# La KancerKliniko

**Politika Kultura Skandalema Ajnista**

Jan.-Feb.-Mar. 2008 n°125

4,40 €


# Laikeco: La elsarko de Sarko

Dio de l' Biblio,
Dio de l' Evangelio
Dio de l' Korano
ni ja preĝas
al la sama Dio!



Li ja forrabas ĉiujn miajn temojn!...

Almenaŭ, mi ilin trudis al neniu...

Kiel diris Dumas [1]: unu por ĉiuj, ĉiuj por unu!

Jam mi petis, karulo! Ne iru sur la akvo!

Nu! Kien mi metu tion?

1) Dumas, la patro (tiu kiu estas en la ĉielo).

ISSN 0398-5822

# Perantoj

| | |
|---|---|
| ARGENTINO 18 € | A. E-A, str. 119 y 122, Ar-3700 FTT Pres. R. Saenz Pena, Chaco |
| AŬSTRALIO 22 € | Libroservo de A.E.A., Esperanto-Domo 143 Lawson Street, Redfern N.S.W. 2016 |
| BELGIO 22 € | FEL, Frankreijklei 140, 2000 Antwerpen Pk:000-0265338-43,Bk:402-5510531-55 |
| BRAZILO 18 eŭroj | BEL, CP 3625, 70084-970 BRASILIA - DF |
| BRITIO 22 € | Esperanto-Asocio de Britio, Station Road, Barlaston, STOKE-ON-TRENT, ST12 9DE, Britio. |
| ĈEĤIO 14 € | Vladislav HASALA, A. Dvorâkova 1, CZ-696 62 Strâznice. |
| DANIO 22 € | A. Casper, Bryggervangen 70, 4.tv. 2100 Kopenhago, tel.+45 39 20 63 48 & +45 2140 84 87rete:arne- casper@email.dk |
| FRANCIO 22 € | Al la ĉefo (apuda paĝo) + UFE, 4 bis rue de la Cerisaie, 75004 Paris, Pĉk :Paris 85535 D |
| GERMANIO 22 € | Esperanto-Centro, Lu Wunsch-Rolshoven Wiclefstr.9, D-10551 Berlin Pĉk : Hannover 2596 58-301 |
| HISPANIO (Eŭskio) (Katalunio) 21 € | Nikolas Xil Carvalho, 1062 postakutxa 20080 Donostia, Gipuzkoa. Kataluna Esperanto-Asocio, Ap. 1008 08200 Sabadell |
| HUNGARIO 14 € | Besenyei Anna, Szerémi ùt 21 IV 20, HU-1117 Budapest |
| ITALIO 22 € | Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129 Trieste. Pĉk C/C N. 14080345 |
| JAPANIO 22 € | MINE Yositaka, Kitahama-kitawaki 29-16 Takasago-si, Hyogo-ken, 671-0122 |
| KANADO 33,2 CAD | Yves Bellefeuille. 2372 Haddington, Ottawa Ontario KIH 8J4 |
| KROATIO 14 € | K E U, c/o sekretario Marija Belosevic Sveti duh 130, HRV-410000 Zagreb + Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| LITOVIO 14 € | LitEA, p. k. 167 LT-3000 Kaunas |
| NEDERLANDO 22 € | UEA, kodo KLIK-g, Pk : 37 89 64 Bk : (Mees/Hope) 255 289 804 |
| POLIO 14 € | Jerzy Handzlik, 43-346 Bielsko-Biała, ul. Braterska 41 |
| RUMANIO 14 € | Sigmond Julia, 400310 Cluj-Napoca, Str. Vlahuţă 7/6 |
| RUSLANDO 14 € | Halina Gorecka, RU-236039, Kalingrad, k. 1248 |
| SLOVENIO | Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| SVEDIO 22 € | Lisbet Andreasson, Kajsa Kavats gata 8 SE-242 35 Hörby |
| USONO 27$ | ELNA, Inc. C.O., PO Box 1129, EL CERRITO, Cal. 94530 |

**aviadile aldonu 1 €**

**Mendu 10 malnovajn numerojn**

**(vi povas elekti mem!)**

**kontraŭ nur 15 eŭroj**

# Vendataĵoj

+ 20% por sendokosto gis 35 eŭroj - poste: 10%

### La KromKancerKliniko

| | |
|---|---|
| 4. Stilekzercoj, R. Queneau/I. Ertl, **nova eldono, A5** | 5,00 € |
| 5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov/Long | 3,00 € |
| 6. Bruoj kaj ludoj, Manceau, Saletti, Bertil | 2,75 € |
| 7. Pala Fajro, Nabokov/Meva Maron | 3,00 € |
| 8. Letero el Palestino, Alba/Kamaĉo | 3,00 € |
| 9. Hura-A-A-A, Daniil Harms/Natan Procenko | 3,35 € |
| 10. Pro kio Esperanto? Koresponda debato | 3,70 € |
| 11. La Orelringo, de Jopetro Danvy | 3,70 € |
| 12. La ĉapo de la sterko-vermo, G. Kamaĉo | 3,80 € |
| 13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo '96 | 3,80 € |
| 14. Sanĝado, poemaro de Mao Zifu | 3,80 € |
| 15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, S. MacGill | 3,80 € |
| 16. Arnau - Kavlan - Septier – Sire | 4,00 € |
| 17. Elpensaĵoj/tradukoj de Bruna Ŝtono | 4,00 € |
| 18. **Alilingvaj erotikaj poeziaĵoj**, G Waringhien | 4,00 € |
| 19. Trad. de C. Gerlat (Pavloff, Sfar, Yourcenar...) | 4,00 € |
| 20. Trilingva landlim', Peter Browne | 4,40 € |
| 21. Ekzile, noveloj de Mircea Eliade, trad. I.Oneţ. | 4,40 € |

### La KancerKlinikoKrestomatio

| | |
|---|---|
| 4. GeLKKpoetoj, LeQuint/Le Puil | 3,00 € |
| 5. Serge Sire "Revenis mi". (ĉe la aŭtoro) | 4,00 € |

### La KancerKlinikoteko

| | |
|---|---|
| 1. Knedu min Sinjorino, R. Corsetti, **nova eld. A5** | 5,00 € |
| 2. Lingvo Universala, Praesperanto, R. Cash | 3,80 € |
| 3. Kvarlingva Proverbaro, L. Bourgois | 4,60 € |
| 4. Kompendio pli blazonoj, S. Sire **reeldono** | 4,00 € |

### Speciala numero

| | |
|---|---|
| 1. Momo, Kavlan x 2, bildrak., 48-p-a (Rab.) | 5,00 € |

### Malnovaj numeroj de LKK

Elĉerpitaj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 8, 15, 23, 28, 29, 30, 31

Ĉiu numero 4,00 €

Rabato 33% ekde tri ekz-oj.

***

Ni "aktualigis" la liston de "Vendataĵoj". Sed plu restas kelkaj aliaj libroj kaj kasedoj de Le Puil... Mendu la liston.

***

**KD: Mi estas... Ĵak Le Puil** 18,00 €
(sen rabato) 14 kanzonoj, kun akompano de Jomo

***

**Libroj** (sen rabato por "Vojaĝo")

| | |
|---|---|
| Florville kaj Courval, Sade/LeQuint-Le Puil | 5,00 € |
| Higieno de l' murdisto, A. Nothomb/LQ/LP | 9,00 € |
| **Infantravivaĵoj, Armela LeQuint** | 4,00 € |
| Kormoranoj (la), N.Gion/L.Huszar | 6,00 € |
| Kuniks la kuniklo, Kavlan | 6,00 € |
| Pluralogo, de Vimala Devi | 6,85 € |
| Promeso en obskuro, M. de Seabra. Noveloj | 10,20 € |
| Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo, Zlatko Dizdareviĉ | 6,00 € |
| Speguliĝoj, de Vimala Devi | 3,80 € |
| **Vojaĝo ĝis noktofino, Céline/LeQuint-Le Puil** | 24,00€ |

La KancerKliniko
*Kultura, politika, skandalema, ajnista*

**lkk@free.fr**

**N° 125**
**Jan./Feb./Marto 2008**

**Ĵak Le Puil**
"Les Cocherats"
F-18210 Thaumiers

CPPAP 1007K82202

tel. (0)2 48 61 81 98
(ne antaŭ la 11-a matene, dankon!)

**Abono: 22 €**
(ekde 14 € fakte)
Ĝi komenciĝas iam ajn tra la jaro

4 n-roj + La Krom

**Pago**: Jacques Le Puil
pĉk 12 729 73 x Paris
IBAN: FR44 2004 1000 0112 7297 3x02 088
BIC: PSSTFRPPPAR
aŭ tra geperantoj aŭ UEA: klik-g

**Nia memoraĵisto**
**Laŭrenco Septier**
BP 174
F-13444 Marseille
Cantini cedex

**Kunlaborantoj**

**Serge Sire**
**Ĵak Le Puil**
**Michel Duc Goninaz**
**Laŭrenco Septier**
**Manuel de Seabra**
**Kris Long**
**Mao Zifu**
**Peter Browne**
**Jacques Ortie**
**Arnau**
**Fra Gaeta**
**Gennadij Turkov**
**Jopetro Danvy**
**Armela**

# Malsaĝulo ĉie sian nomon skribas *(z)*

Ja ni ne povis eskapi! Ĉie, ĉiutage, kovrilpaĝe de ĉiuj gazetoj, en ĉiuj informbultenoj televidaj aŭ radiaj, ĉie ĉiam ni Lin vidas aŭ aŭdas! Elsarko tuj! freŝan aeron ni bezonas.

Nefrancoj pli bone komprenos la suprajn liniojn kaj la kovrilpaĝon de Serge Sire, post legado de mia Kuracoservo. Dankon al Michel Duc Goninaz, kiu ignoras Lin, al Laŭrenco Septier kiu en 1990 apenaŭ aŭdintis pri Li, al Fra Gaeta kiu privilegias Anjo-n kaj al Jopetro Danvy kiu prizorgas nur *sako*n sur la dorso! (ve nur la unuan parton, ĉar ĉi numero povus esti almenaŭ 40-paĝa!).

Niaj nefrancaj kunlaborantoj tute diplomate mutis pri Li! Jen poemoj de Peter Browne, de Manuel de Seabra, de ĉinoj tra Kris Long, de Mao Zifu, jen la parto dua de Eneado tradukita far Gennadij Turkov.

Dank' al Mohamed P. Hilout vi ekscios tion, kio okazas en la urbo de nia ĉinologo... Kun Peter Browne vi plu vojaĝos en El Coyol. Iom da informoj en LKK-bis kaj draŝeto de Jacques Ortie al niaj recenzantoj. Legu – kaj mi esperas ke tiu Ortie ne tro severos! Afrikumu kun Arnau kaj ridetu kun la citaĵoj de JC Vandamme. Fine por la infanoj Serge Sire desegnis realisman fablon! Bonan apetiton, kaj ĝis la,

***Ĵak Le Puil***

## Enhavo

| | |
|---|---|
| **La elsarko de Sarko, Serge Sire (kaj iom da ĴLP!)** | **1** |
| **Perantoj, Vendataĵoj** | **2** |
| **Tria paĝo!** | **3** |
| **La Kuracoservo de Ĵak Le Puil** | **4** |
| **El la taglibro de nekuracebla optimisto, M. Duc Goninaz** | **5** |
| **Tri pomeoj de Peter Browne** | **7** |
| **Ĉinaj memoraĵoj (7), Laŭrenco Septier** | **8** |
| **Testamento, de Manuel de Seabra** | **9** |
| **Vualoj, burkaoj kaj ĉadoroj..., Mohamed P. Hilout/ĴLP** | **9** |
| **Li Shangyin kaj Li He, trad. Kris Long** | **10** |
| **Funebre al Sinjoro Jiang, de Mao Zifu** | **10** |
| **Vizaĝoj de Verakruco, ĉapitro 4, Peter Browne** | **11** |
| **LKK-bis, Komunikoj** | **14** |
| **Niaj recenzantoj – afero de despero, Jacques Ortie** | **15** |
| **Legi, Mortopuno, F-ino Maitreyi, La regrifuzanto, S.R., LG** | **16** |
| **Afrike Denove kaj plu, Arnau** | **17** |
| **Poemoj de Fra Gaeta** | **18** |
| **Eneado, parto dua, trad. Gennadij Turkov** | **19** |
| **Letero de Peter Browne + Io ajn** | **21** |
| **Kun sako sur la dorso, J.K. Huysmans, trad. J.P. Danvy** | **22** |
| **La korvo kaj la vulpo kaj la kuniklino, de Serge Sire** | **27** |



# La Kuracoservo

*Ĵak Le Puil*

Anĝelfurzo! Diofeka furzo! Diable! Mil diabloj! Mil papoj el Romo! Porka dio! Porka madono! Putina madono! Sakramento! Sankta fikilo! Sankta funelo!

Jen sakroj el "Knedu min, Sinjorino!", (de Renato Corsetti k.a., nova eldono, 2006, kompletigita kaj reviziita, formato A5, 40-paĝa, nur 5 € en nia Kliniko!) kiujn ni devos parkerumi. Ja Sakrozy, pardonon, mi volis diri Sarkozy, post sia vizito al la klaŭno de l' Vatikano, faris prelegon en Riado, la 14an de januaro 2008, antaŭ la anoj de la Saud-Arabia konsultiĝa Konsilio. Dektri foje li uzis la vorton "Dio"; Dio de la Biblio, de la Evangelioj, de la Korano. Li nur forgesis, ke li parolis je la nomo de laika ŝtato. Francio ne estas, almenaŭ ĝis nun, Usono. Kandidatoj al la prezidanteco, dum sia kampanjo, ne reliefigas sian religion, sed sian programon. Kompreneble ankaŭ pri ĉi lasta temas pri kredo! Sed ja kial superŝuti onin per pluraj?!!

Sarko fiku sian belan (eks)-manekenon, nun kantistinon, Karla Bruni — kiu cetere verkis kanzonon treege similan ál "Miriam 52", la poemo de Claus J. Günkel, kiun mi muzikigis plurajn jarojn antaŭe kaj kantas en la disko "Mi estas". Jen ekstrakto de la kanzono de Karla Bruni: Vi estas la glaso, Mi estas la vino – Vi estas rakedo, Mi estas la pilko – Vi estas ludilo, Mi estas infano – Vi estas oldulo, Mi estas la tempo. Kaj nun ekstrakto de la poemo de Günkel; Mi estas la taso, Vi estas la kafo – Mi estas minuto, Vi estas sekundo – Mi estas la buŝo, Vi estas la kiso, ktp. – vidu, mi eĉ ne bezonus komponi alian melodion! Ĉu ŝi piratintus nin? Ĉu ŝi sekrete lernintus nian lingvon? Ĉu ŝi parolis al Sarko (ja ĉiuj francoj uzas nur tiun apokopon...) pri la "Preĝo" de Zaza en Bulonjo-ĉe-Maro?: "Al Vi, ho potenca senkorpa mistero, - Fortego, la mondon reganta... – Al Vi, kiun ĉiuj malsame prezentas, - Sed ĉiuj egale en koro Vin sentas... – Hodiaŭ ni preĝas." Ŝajnas, ke oni devus enketi... — Do, Sarko fiku sed fermu sian faŭkon pri Dio kaj ĉiuj religioj! Atentu, mi ĉi-tie nenion riproĉas al Zaza; li en Bulonjo-ĉe-Maro ja ne parolis kiel reprezentanto de laika ŝtato, sed nur sianome. Oni povas konsenti aŭ ne pri liaj diroj, sed li neniel tretis oficialan dogmon.

En la tre religia Usono, male, neniu kandidato al la prezidanteco riskus ne paroli pri religio. Ĉu respublikanoj, ĉu demokratoj, ili nepre devas bigotumi! Ĉiuj bigotaj respublikanoj kaj la demokrata Hilari Klinton pie aprobis la invadon de Irako. Barak Obama, la juna demokrato, ne sufiĉe nigra por fanatikaj nigruloj kaj tamen tro nigra por kretenaj blankuloj, malaprobis tiun invadon. Hura! Sed oj! ni tuj ekscias, ke li ne kontraŭus bombadon de Irano! Pian bombadon kompreneble...

Kaj kiam oni scias kion kapablas fari tiuj publikaj piuloj en Vaŝingtono, Riado, Teherano, Jerusalemo, Gazao, aŭ kaŝe en iu groto, oni povas nur tremi antaŭ iu franca prezidanto kiu perfortas ŝtatan laikecon!

Sed ni lasu la politikistojn por multe pli amuza anekdoto.

Britaj policistoj eklernas la germanan lingvon por komandi siajn germanajn ŝafhundojn, importitajn el Germanio. "Se oni alparolas ilin en la angla, ili rigardas nin kvazaŭ ni estus stultuloj." diras la policistoj. Tiuj hundoj, aĉetitaj en Berlino, pro manko da ili en Britio, respondas nur al ordonoj en la germana, substrekis la polico. "Sitz" (sidiĝu), "aus" (iru) aŭ "holen" (serĉu) devas do esti kriataj en ilia patrina lingvo.

Sed la policistoj opinias sin kapablaj angligi siajn hundojn. "Ni ripetas la ordonojn en la angla, por ke ili iĝu dulingvaj" asertas proparolantino de la polico de Derbyshire! Kompatindaj bestoj, kiuj mi ne dubas tutcerte preferus ordonojn en la volapuka!

Kaj jen nun kelkaj linioj de libro de Doktoro E. Maury, titolita "Medicino per vino":

*En la landoj, kie oni honoras vinologion, malfacilas por ties loĝantoj antaŭvidi manĝon, eĉ modestan, sen akompani ĝin per unu aŭ pluraj glasoj de tiu trinkaĵo dediĉita al Bakĥo. Krom la plezuro kiun donas tiu kutimo, ĝi kunagas por faciligi la mekanismon de la digestado. Ni jam insistis pri la fakto ke trinki, dum manĝo, kranakvon, eĉ el kristala karafo, estas malbonvena prigusta eraro kaj grava dieta eraro, kiu prezentas faktoron de dispepsio. La gluto de tiu sengusta trinkaĵo modifas la elastecon de la stomako kaj difektas la katalizan valoron de la digestaj fermentoj, sen paroli pri ĝia negativa influo sur la psikon, kiu kontribuas, ĉe la kutima akvotrinkanto, al nasko de pesimismo kaj postulemaj kondutoj.*

Ĉu vi sciis, ke nia ekscitita prezidanto Sarko neniam trinkas vinon? Huj, huj, huj!...

# El la taglibro de nekuracebla optimisto kaj provenca patrioto (1) (sekvo)

*Michel Duc Goninaz*

**la 16an de aprilo 2007. A pitch-white jubilee** (ĉar la raŭmistoj katekizis, ke "ne estas la tasko de la esperantistoj faligi la anglan lingvon", *LKK* ja devas ĝin flegi). "*Heroldo* komunikas" la jenan nigran humuraĵon :

*HeKo 328 5-C, 16 apr 07: Ora jubileo de Gbeglo Koffi. La plej populara esperantisto en Afriko atingos morgaŭ sian kvindekan datrevenon. C-ano Gbeglo Koffi ricevis la gratulon unuavice de la Blanka grupo en la Senato, estrata de sen. Nelly Holevitch, al kiu aldoniĝis la persona gratulo de la Konsulo de la Esperanta Civito.*

La fidelaj legantoj de *LKK* memoras, kiel antaŭ kelka tempo Gbeglo Koffi estis pilorita de bonmora stukaĉo pro tro diligenta ĝuado de "blankaj piĉoj" (precipe en Belgujo!). Estas bunte ĝojinde, ke, okaze de ora jubileo, lin gratulis (ĉu ankaŭ gratifikis?) la "Blanka grupo" de la Esperanta Civito (en konsulaj rilatoj kun Klaŭnesko), .

**Novembre 2007.** Laŭ *Monato*, la "respondeculo pri seksa egaleco" en Litovio (kiu, se juĝi laŭ la nomo, estas respondeculino), bedaŭras, ke "eksterlandanoj emas konsideri litovinojn seksobjektoj". Nu, se kredi tiun sensacian informon, oni povus vere konkludi, ke la gelitovoj ankoraŭ ne atingis la egalecon (ĉar, diable, kial oni reklamus nur la virinojn? Ĉu la eksterlandajn turistinojn ne allogas la litovaj viroj?) kaj precipe ankoraŭ ne atingis la stadion de seks-subjektoj. Sed ni ne estu naivaj. Ni scias, ke la gurdaĵo "objektoj" estas nur unu el tiuj terorismaj terminoj, inventitaj de la feminista mafio. Sub preteksto de "seksa egaleco" la publikigita informo estas nur laŭvica atako kontraŭ la "seksa turismo" (samorigina kondamna sintagmo, uzata ankaŭ en la koncerna artikolo). La menciita "respondeculo" bedaŭras, ke "en Litovio ne estas akcentataj la inaj saĝo kaj atingoj". Se tiu saĝo realas, kial ĝin "akcenti" (legu : ŝtate propagandi)? Kion kovras la termino "atingoj", abstrakta ĝis sensenceco? Mi konjektas, ke ĝi estas traduko de la litova *pasiektimai*, kiu certe ludis gravan rolon en la cerboŝtopa sovetia ĵargono. Se oni atente analizas la diversajn eldirojn, cititajn en *Monato*, oni trovas, ke, laŭ iu "itala retejo", "litovinoj estas tre dolĉaj, tre inecaj kaj multe atentas sian aspekton". Jen tre interesa juĝo, sed mi ne vidas en ĝi tre precizajn informojn pri iliaj erotikaj kapabloj. Kiuj kaj kiaj estas iliaj fakaj kompetentecoj sur tiu tereno? Ĉu la litovinoj vere superas, ekzemple, la tajinojn aŭ la francinojn? Ĉu vere italaj turistoj entreprenas tian vojaĝon surbaze de tiel malprecizaj informoj? En la 19a jarcento oni ankaŭ ne donis tre precizajn informojn pri ĉi tiu temo, krom kelkaj esceptoj, kiel ekzemple la granda franca parnasisma poeto Teofilo Gautier, kiu en sia *Letero al la Prezidantino* (1850) sufiĉe krude, kaj precipe humure, rakontis sian fikan turismadon en Italio. Sed eĉ sendetale kaj implicite oni povas legi la jenon sub la plumo de nia granda Frederiko Mistralo :

[...] *Li filho de Valènço*
*Sabon pas fai l'amour, li de Prouvenço*
*Lou fan la niue, lou jour...*

kies tradukon mi liveras al la kelkaj LKK-legantoj, kiuj ne komprenas la provencan lingvon :

"[...] la knabinoj de Valenco
Ne scias amori, sed de Provenco
Tage kaj nokte."

Tiuj ĉi versoj estas troveblaj en la ĉefverko de Mistralo *Lou pouèmo dóu Rose* (la Poemo de Rodano). Konforme al la etiko de *LKK*, mi profitas la okazon por senhonte reklami la majstran tradukon de tiu majstra verko, faritan de mia bedaŭrata amiko Rajmondo Laval, eldonitan de nia kara Kribo en la SAT-Broŝurservo kaj akireblan kontraŭ malmultaj eŭroj.

Sed, malgraŭ la pudoro de tiuj versoj, ni povas konstati, ke la digna tradiciulo Mistralo kapablis jam en 1896 reklami por seksa turismo. Vizitu Provencon, kies knabinoj amoras tage kaj nokte! Eble tiun famon ne forŝlifis la tempo, ĉar antaŭ nur kelkaj jaroj iu franca magazino nomis Aikson, historian ĉefurbon de Provenco kaj mian loĝurbon, "la plej erotika urbo en Francio". En Francio, do en la mondo, ĉu ne? La litovinoj povas sin revesti, kiel diras franca frazeologiaĵo, kiun Lolo Zo bedaŭrinde ne registris en sia fama Proverbaro.

Cetere, la kompara reklamo povas naski disputojn. Valenco kontraŭ Provenco? Sendube Valenco estis politike ekster Provenco, ĉar ĝi apartenis al Daŭfenio. Sed la Valencanoj, kaj sekve la Valencaninoj, estas ja kulture provencaj, ĉar provenclingvaj, eĉ se ilia dialekto estas nord-rodana. Evidente, oni povas ankaŭ nomi ĝin "okcitana vivara-alpa" kaj malvastigi la teritorion de la "provenca" al la dialektoj ĉirkaŭmaraj. Sed mi scias, ke la LKK-legantojn tedas la dialektologiaj kolokvoj, kaj ke al ili, adeptoj de seksa turismo, plene sufiĉas la informo, ke la Provencaj knabinoj amoras tage kaj nokte. Bedaŭrinde, en la progresema kaj liberama 21a jarcento, la reklamiloj

de niaj turismaj oficejoj silentas pri tiu diskoniginda specialaĵo. Jen plia argumento por legi la verkojn de Mistralo (precipe en la bonega traduko de R. Laval, mi insistas!).

**la 17an de decembro 2007.** La televido montras la plej lastan belgan ŝercon. Okazis en Antverpeno elekto de iu "Miss-mi-ne-scias-kio". Bonvolu ne tro laŭte ridi: ekzistis epoko, kiam iuj TEJO-anoj amuziĝis per tiaj stultaĵoj kaj ludis je la elekto de "Miss Esperanto". Sed ni revenu al la "belga" Antverpeno. La misaĵo perfekte funkciis. Dum la solena ceremonio, la elektitino, denaske franclingva, ne kapablis respondi al nederlandlingva intervjuo. La flandraj zelotoj tumulte protestis. Ili arogas, ke en Antverpeno ĉiuj parolu nederlande. Se la ceremonio okazintus en la "belga" urbo Eŭpeno, la malfeliĉulino devus esprimi sin germane. Feliĉe, ke oni ne elektis ŝin en Pekino. En la spektaklejo, kie okazis tiu incidento, neniu esperantisto kriis : "Parolu en esperanto, vi grego da analfabetaj kretenoj!" (ĝi estas la sola propaganda slogano, kies uzadon mi rekomendas). La esperantistoj estis aliloke : ili estis subskribantaj peticion al iu unesko, eŭropa unio aŭ nobel-komitato — aŭ eble inaŭgurantaj iun novan zeon. Aŭ eble ili ne ekzistas pli, ol Belgujo.
Sed ni revenu al Provenco, kie spireblas pli agrabla atmosfero. Ĉiujare, komence de majo, okazas tradicia festotago en Arlezo. La feston prezidas unutaga "reĝino", elektita inter la urbaj junulinoj. Haha, diras ironiema leganto, jen vi pretas laŭdi tion, kion vi ĵus ridindigis. Pardonu, estas kelkaj etaj diferencoj. Unue, oni ne ornamas la elektitan junulinon per la kretena vorto "Miss". Due, oni atentas ne nur ŝiajn mam- kaj pug-mezurojn (ha, la feministoj aplaŭdas!), sed ankaŭ ŝiajn kapablojn en artoj kudrada kaj kulinara (ve, la feministoj grumblas!). Krome kaj plej grave: neniu kandidatino povas esperi elekton, se ŝi ne parolas flue la provencan lingvon. Tio estas normala: kiel eĉ nur unutaga simbolo de unu el la plej gravaj Provencaj urboj povus analfabeti en la tradicia lingvo de Provenco? Sed tio estas konata kondiĉo de la elekto, neniel lastamomenta insido. Oni postulas, ke ŝi parolu **sian** lingvon, ne fremdan. La ĵus vidita, eĉ televidita, skandalo en la neekzistanta Belgujo ne povas okazi en la reala Provencó. Tamen, pro la antikveco de tiu tradicio mankas laŭ mi grava punkto en la kondiĉoj: la kandidatinoj ne estas ekzamenataj en la fako "erotika arto" kaj la "reĝino" ne devas demonstri siajn ĉi-temajn kapablojn publike. Mi eĉ suspektas, ke en ne tre fora pasinteco oni postulis, ke ŝi virgu. Sed mi konscias, ke modernigi tradiciajn folkloraĵojn ne estas facile. Cetere, se ĉio submetiĝus al miaj deziroj, restus nenio plu por deziri, kaj mia senŝancela optimismo iĝus absolute senutila. Kiel probable diras la psikologoj-plifeliĉigistoj, frustriĝo estas kondiĉo de espero.
Sed, finfine, miaj fantasmoj ne tiom diferencas de la poeziaj elverŝoj de Teodoro Aubanel (amiko de Mistralo kaj kunfondinto de la felibra skolo), kiu jene prikantis Arlezan virinon, kiun li kromnomis Venuso:

*Fai vèire ti bras nus, toun sen nus, ti flanc nus;*
*Mostro-te touto nuso, o divino Venus!*
*La bèuta te vestis miés que ta raubo blanco;*
*Laisso a ti pèd toumba la raubo qu'à tis anco*
*S'envertouio, mudant tout ço qu'as de plu bèu:*
*Abandouno toun vèntre i poutoun dóu soulèu!* (2)

Vidigu ciajn nudajn brakojn, bruston, flankojn ;
Montru cin tute nuda, ho dia Venuso!
Beleco vestas cin pli ol la blanka robo;
Surteren faligu la robon, volve kovrantan
Ĉe la koksoj ciajn plej belajn belojn.
Allasu cian ventron al kisoj de la suno!

Bonvolu pardoni mian mallertan tradukon. Mi ne posedas la tradukistan talenton de Raymond Laval (relegu ĉi-supre sub "Novembro 2007" kaj aĉetu la menciitan libron!).
La tuta felibra skolo estis ĝenerale tradiciema, kun eĉ kelkaj reakciaj trajtoj. Sed la poemaro de Aubanel *Li filho d'Avignoun* (La Avinjonaj knabinoj, 1885) estis honorita per kondamno fare de la tiamaj ekleziaj aŭtoritatuloj. Tio, laŭ mi, valoras almenaŭ tiom, kiom Nobel-premio, kiun Mistralo ricevis en 1904.

**la 23an de decembro 2007.** En la dolĉa Franclando, Yvan Colonna (elp. Kolona), akuzita pri la murdo de iu prefekto (lakeo de la franca ŝtato en Korsiko), estas kondamnita je dumviva enprizonigo, sen la plej eta pruvo pri lia kulpeco. Nur surbaze de iama denunco, poste malkonfirmita, far realaj partoprenintoj, kaj de aserto de policestro (kiun la korsikaj patriotoj ankoraŭ ne likvidis, sed la pigreco de la korsikanoj estas tutmonde fama), kiu alportis al la tribunalo neniajn pruvojn. Malgraŭ aliaj asertoj, kiuj pli ol dubigis pri la ĉeesto de la akuzito sur la murda loko. Ĉu oni povas en la lando de la homaj rajtoj kaj similaj babilaĵoj kondamni iun sen pruvo? Jes. Ĉu laŭleĝe? Jes. Surbaze de la plej fia principo de la liberama franca respubliko : la juĝantoj verdiktas laŭ sia "intima konvinko".
Ĉi tiu proceso povis montri denove al la esperantistaj "neŭtraluloj", ke lingvaj fenomenoj ne disigeblas de politiko. En la juĝejo, en radio- kaj televidelsendoj estis klare aŭdeble, ke tiuj, kiuj deziris la kondamnon de Colonna, elparolis lian nomon laŭ la franca maniero. Tiuj, kiuj havis iom pli objektivan sintenon (do estis reale kaj honeste "neŭtralaj") elparolis ĝin pli proksime al la normala korsika prononco.

**la 1an de januaro 2008.** Ĉar ĉiu jaro estas UNeske aŭ Uneskeske jaro de io, ni ĝoju pri la komenco de la Jaro de la Granda Mensogo. Ĉi-jare la *Universala Esperanto-Asocio*, fondita en 1947, festos sian centjariĝon. Efektive, tiu nuna UEA tiam ŝtelis la nomon de la vera UEA, kreita en 1908 surbaze de nur individuaj aliĝoj, kaj degenerinta dum la jaroj 30 en konataj historiaj cirkonstancoj. Ĝi estas fakte la daŭrigo de la skisma *Internacia Esperanto-Ligo*, kreita de kelkaj "landaj" (legu : regnaj) esperantistaj asocioj en 1936, post plurjara klopodado, en kiu la jaro 1933 aperas ege simbola, ĉar jam la tiujara Kolonja Interkonsento akcelis la eniron de la Troja

ĉevalo de la regnaj asocioj en la tiam ankoraŭ ekzistantan UEA. La nuna "UEA" rezultas de ege sagaca kompromiso : la individuaj membroj pagas por certigi la regadon de la regnaj asocioj.

**la 4an de januaro 2008.** La franca revuo *Le nouvel Observateur* afable sendis al mi sian ĉi-semajnan numeron, kvankam mi ne estas abonanto. En ĝi legeblas pluraj ege valoraj artikoloj pri Simone de Beauvoir (naskiĝinta antaŭ cent jaroj) kaj videblas unuafoje foto de ŝi, farita en Ĉikago (kie ŝi sekse turismis) en 1951. Nuda — kio ŝajnas normala en banĉambro —, sed videbla nur dorse (videblas ankaŭ, ke la origina foto estis iom "plibonigita", por malaperigi kelkajn grasohistojn!). Samtempe mi aŭdas radio-intervjuojn de kelkaj gardohundinoj de la plej fanatike obskurisma feminismo, kiuj volas kaperi la ideologian heredaĵon de tiu mirinde libera virino kaj blekaĉas kontraŭ la publikigo de tiu foto. Kompreneble, laŭ ili, la tasko de Simone de Beauvoir estis aŭtori librojn, subskribi peticiojn kaj figuri en feministaj manifestacioj, neniel aperi publike sen vestoj, eĉ se nur fote. La revuo "uzas pugon por vendi paperon": jen la mirinda argumento de tiuj kreteninoj, kiuj probable volas kredigi, ke, kiam gazeto ne publikigas "pugon" (oni imagu la malestiman intonacion, per kiu ĉi tiu vorto estis elparolita), ĝi ne celas "vendi paperon"! Ludante, kiel ĉiuj fanatikuloj, per la "viktimeco" de la kategorio, kiun ili arogas reprezenti, ili tartufe ĝemas, ke "virinojn oni pli volonte rigardas, ol aŭskultas". Nu, ili trankviliĝu. La megerojn de iu nuna formo de feminismo mi certe ne aŭskultas volonte, sed pli certe mi tute ne deziras ilin rigardi. Cetere, kiam mi estos diktatoro (kio estas la sekreta fantasmo de ĉiu anarkiisto, ĉu ne?), mi devigos ilin surporti ĉadoron, tiel ke videblos nek iliaj pugoj, nek — precipe — iliaj muzelaĉoj.

**la 5an de januaro 2008.** En la ĉi-monata *Ondo de Esperanto* Alen Kris skribas : "Mi devas diri "adiaŭ" al tiu libera tono en kiu mi skribis miajn ĉi-tieajn komentojn [...], por ne krei problemojn al la redaktoro". Tio estas sciigo kaj averto al ĉiuj pri la grado de faŝismiĝo, kiun atingis la Putina Rusio (kun pardonpeto al la putinoj pro la senintenca vortokolizio). Sed en la sama numero legeblas bonega artikolo de Zbigniew Galor (kun moto de Alfred Jarry "En Pollando, do nenie") pri la situacio en Pollando post la Kaczyński-regado, kies socia bazo estis la plej malriĉaj — sed ankaŭ plej malkleraj — sociaj tavoloj. "Dum la lastaj jaroj la efikeco de laboro kreskis je 43%, sed salajroj je 7%. Dek jarojn antaŭe 4% de poloj vivis sub la vivminimumo. Nun— ĉ. 13%". Kaj la ĵus venkinta partio (la dekstre-centra *Platforma Obywatelska*), pli eŭropema, malpli bigote-ŝovinisma kaj eble iom malpli servuta al Usono ol la Kaczyński-bando, "anoncas privatigadon de ĉio ankoraŭ ebla, i.a. de hospitaloj kaj lernejoj". Ĉu la polaj laboristoj estontece komprenos, ke ili povas atendi nenion bonan de iu aŭ alia el tiuj partioj?

-------------------

(1) La fidelaj legantoj certe memoras, ke antaŭ kelka tempo iu stultulo nomis min "patrioto". Nu, ankaŭ la stultuloj estas homoj. Ilin oni devas kontentigi de tempo al tempo, precipe okaze de jarfinaj festoj. Mi do agnoskas publike, ke mi estas patrioto ne nur provenca, sed ankaŭ eŭska, korsika, kataluna, ĉeĉena, tibeta, kurda, soraba, tamaziĥta, abĥaza, ujgura, gagaŭza... (mi haltas, ĉar mi konjektas, ke la stultuloj jam ĉesas kompreni la vortojn, kiujn mi uzas, kaj tio povas ilin ĉagreni).

(2) Pri tiuj versoj atentigis min aŭstralia amikino. Kulturo ne konas limojn.

**La primitivaj klifoj**

Proksimiĝu al ili,
Al la primitivaj klifoj,
Ĉar la vivo tie troviĝas.
La vivo desfloras en ties Kavernoj
Kaj pendas de la Plafonoj.
La vivo troviĝas tie
Sub endemiaj specioj
Strangaj vespertoj
Nekonataj neklife.

Naŭtu, ho naŭtu al ĉi klifoj.
Naŭtu, dum vivlumo malpliiĝas.
Venu, ekkonu la sentinelojn
La flugon de sennoma birdo
Kaj senfinon da kozoj altaj kaj malhelaj
Malestimantaj la banalecon
De l' etenda malklifa ekzisto.

Venu, ekgrimpu
Rigardon ne ĵetu malsupren.

**Araneo**

Araneo de la CIA, de la KGB.
Araneo kvazaŭ rusa "d",
De pretaj mandibloj,
Ŝpinanta sian araneaĵon
Inter du malignaj Arbustoj.

Araneo kiu Frondon mordus
En altaj turoj de la morto
Aŭ Stalinon salutus
Elde apertaj pordoj
De la nigra nenio.

Araneo en komplet' oliv-verda
Stult-vizaĝe de ci
Dokumentojn petanta
Nome de la granda putin'
De la demokratio.

Araneo kiu konstruadas
Muregojn por la honto.
Kvin-esenca araneo
Araneo de la CIA, de la KGB.

**Por povi verki tre belan poemon**

Por povi verki tre belan poemon
Staru sur la rando de l' mond'.
Revu revojn de Iskandar';
Kantu la gloron de Jupiter'
Elde surfaco mem de Io.

Flugu kun trembrilaj kolibroj.
Elserĉu skeleton de vesperto
En alta tenebra mansardo.
Aŭ sinograme vian nomon skribu
Sur kotoj de l' senfino.

***

**Tri poemoj de**
**Peter Browne**



# Ĉinaj memoraĵoj (7)

## *Laŭrenco Septier*

### Fieru Francoj !

En 1990 en Pekino ne jam estis surstrataj budoj kaj restoracietoj, kiuj kelkajn jarojn poste eksvarmis, ĝi estis bela urbego, sed iomete trista, iomete griza, ĝi krome estis malalta urbo, ne estis ĉiuj-tiuj nubskrapuloj kiuj nun floras ĉie, en la larĝegaj stratoj nur miloj kaj miloj da bicikloj, busoj kaj kamionoj iris, unuvorte tiam Pekino eble estis pli giganta vilaĝo ol grandega urbo, almenaŭ ĝi estis vere entute ĉina ... Tiam ne eblis trovi restoracion se vi ne havis la adreson ... sed tamen jam konstruiĝis iu t.n. *McDonald* "restoracio" en *Wangfujin*, la plej komerca avenuo, kie ankaŭ multaj fremduloj venas por aĉeti diversajn varojn, krome la *Pekina Hotelo*, la "*Malsana Anaso*"(1), *Tian'anmen*-placo kaj la fama *Maŭ-zoleo* tute apudas ... tiu vojkruciĝo *Wangfujin/Chang'an* vere estas strategia loko ... mi parolas pri tio, sed nun ni ne jam atingis la *McDonald*-on.

Jam de pluraj horoj ni marŝas kaj marŝas en la *hutong* (2) de l'okcidenta parto de Pekino, ni serĉas vane la Lu Xun (3) muzeon, ni demandis tie, redemandis ĉi-tie sed nia ĉina lingvo ne tre bonas, krome la akĉenton de Pekino ni entute ne kapablas kompreni ... tiu kutimo fini ĉiun vorton per iu "ooorrr" kvazaŭ ili englutus sian propran langon, vi provas vi vomas, tro malantaŭe en la gorĝo ... mi preferas "paroli per la manoj", mi kredas tiel, ke mi komprenas, ke oni komprenas min, sed la rezulto fakte ne aparte mirindas ... kredeble ni ĉiam revenas al nia deirpunkto aŭ io simila ... rondiras ... ĉiufoje, kiam ni demandas, oni montras al ni la vojon, kiun ni uzis por alveni ... ni reiras, perdas kuraĝon, krome nenio estas rekta ĉi-tie, ne eblas scii precize ĉu ni iras norden aŭ suden, kiam ni turniras dekstren ni ne plu scias kie ni estas, se maldekstren, iel same ... tiuj *hutong* ne estas sur nia mapo. Al iu maljunulino ni denove demandas "Ĉu vi scias, kie troviĝas la Lu Xun muzeo ?", ŝi montras : malantaŭ ni ! do, ek, ni iras malantaŭen ... ju pli ni iras, des malpli da uloj en tiu *hutong*, kiu fakte iĝas malpli kaj malpli larĝa, samtempe eksilentas la urbo, ni plu aŭdas nenion, tre paca etoso, kaj en tiu griza atmosfero komuna al ĉiuj-tiuj tradiciaj *hutong*-kvartaloj, jen kelkaj verdaj arboj, kaj subite ... nenio plu escepte tri pordoj ... jen privataj domoj, senelira vojo ! Ho ve ! Ni do havas nuran eblecon, returnen iri ... sed poste ? Kien ? Dekstren, maldekstren, antaŭen ? Antaŭen, tute rekte, fakte ne 'stas rekte, iomete iras zigzage ... ni esperas, ke baldaŭ ni trovos grandan straton, por rigardi sur la mapo, kie precize ni estas ... ni marŝas kaj marŝas, ekpluvetas ... jen denove uloj, ĉi tie du infanoj kun fenditaj pantalonoj ludas per pecoj da ligno, tie maljunuloj promenas sin apogante sur kanoj, kun Mao-kaskedo surkape, jen bicikloj superŝarĝitaj de varoj, jen unu kun kompleta salono, la kanapo surdorse kaj la brakseĝoj ambaŭflanke, la ulo ŝajne ne suferas pedalante ... plimulto de la viroj surhavas blankan ĉemizon kaj nigran pantalonon, same por la virinoj sed kun nigra jupo, ili iras plejofte kun teko aŭ dika koverto en la mano ... sed ni daŭre estas sur la *hutong* kaj ne estas Lu Xun muzeo ĉi tie ... Finfine ni ekvidas grandegan grizan domon kun impona fermita pordo apud kiu troviĝas speco da giĉeto, ni aliras kaj vidas iun papereton : "Muzeo Lu Xun, fermita pro riparado". Do jen kaj tok. Krome la nokto ekfalas kaj la pluvo intensiĝas, ĉi-tie ne estas bus- aŭ metrostacio, do ne ekaperas mirakla pluvombrela vendisto, ni nur povas uzi niaj maljunajn *K-Way*-ojn, ne entute efikaj sub la nun fortega pluvo ... ni tute ne scias, kie ni estas ... ne estas iu ajn ŝirmilo ... ho ve, kie do ni 'stas ? ... Sed antaŭe, jes antaŭe ni ekvidas multe da lumoj, jen *Chang'an* avenuo ! Iom poste, *Wangfujin*, de tie ni ekvidas la *McDonald*-on kaj ekkuras sub la pluvego ... jen iu, kiu vendas pluvombrelojn, ni tuj aĉetas du kaj daŭrigas la vojon ĝis la *McDo* ... Kutime ni neniam manĝas en tiaj "restoracioj", sed tro pluvas, ni estas malsekaj kiel spongoj, prefere ni ripozu iomete ĉi-tie, ĉu ne ? Kaj ni eniras la *McDo*-on, mi aĉetas unu *BicMac*-on, Anny unu *Double Cheeseburger*-on, kune kun du bieroj kaj ni sidiĝas ĉe dikega tablo en tiu mortenua manĝoĉambro (sed ĉu *McDo* estas konceptita por esti gaja, en Pekino aŭ aliloke ?), ni manĝas tiun sengustan "pladon" kaj samtempe bedaŭras la eksterordinaran Pekinan anason, kiun ni ne gustumos ĉi-vespere ... Dum ni manĝas silente, brue alvenas tuta aro da Francoj, laŭte parolantaj, kiel mondomastroj, vestitaj kiel turistoj sur plenkolora familia foto, dikegaj, vera laŭdo por obezeco, vulgaraj, blekantaj, trista spektaklo, kaj dum ni malgaje maĉas niajn *burger*-ojn, la dika kreteno, kiu ŝajne estas la mastro montras sian hamburgeron kaj per stentora voĉo krias : "Ha, jen finfine civilizita manĝaĵo !"

Vivu Fancio.

***

1 La fama *Quanjude*, restoracio de Pekina rostita anaso, t.n. "malsana" ĉar apud la hospitalo !

2 Tipaj pekinaj tradiciaj stratetoj, kun malaltaj domoj.

3 Fama ĉina verkisto de l'unua parto de la 20a jarcento, konata en Eo sub la nomo Lusin.

# Manuel de Seabra



### Testamento

Simple okazas ke mi ne laciĝas
esti *homo sapiens sapiens*
farita de la karno de la revoj kun pluvo kaj vento,
provante konkeri la spacon
kaj malsatante en ĉiuj kontinentoj.
Tion mi koncedas
en ĉi ŝlimo kun kiu ni konstruas
piazzojn di San Marco.
Kaj mi finas mian marmoran arton
pensante pri la tabuoj de la Fiĝiaj insuloj
kaj de okcidenta Eŭropo.
Tra la ombro kaj terurita
mi kuras ĉiam al la vivo
kvankam mi ne akceptas la kulpon de ĉio kaj nur
en la vintraj noktoj
mi trovas la verajn difinojn
de la majstroj mortintaj kun la simboloj:
la nova malklero, sur la batalkampoj
kie la ŝipdronintoj troviĝas
kaj serĉas reĝinojn kaj angorojn
ĉar ĉiam estas io kion oni ne komprenas.
Kiam finfine mi mortos, mi ne volas kontribui
al la monda putrado:
kremaciu min por ke mi povu reveni al nenieco.
Muro ĉiam kaŝas alian muron
kaj la libereco ŝiras mian ĉapelon:
la simplan arton pace suferi.

### La fermita pordo

Sen mi ne estas mondo
sed mi estas ĝia nova formo ĉar ĝi estas nur parto
de la revo:
ke neniu bedaŭru min. Eĉ ne la minareto.
La tristeco estas anhelo trapikita en la gorĝo
kaj mi ĉiam forkuras eltroveme,
laca pro la perdo de ĉiuj bataloj
fore de via feliĉo.
Ne plu kun homa morgaŭa karno,
mi vane frapas la fermitan pordon.

### Incito

Ĉu oni volas ke mi incitu la homerajn grekojn?
Unue ili pensis pri dio
kaj volis reiri hejmen.
Eĥ, vi, ĉu via juneco estis
plena da aven-kaĉo?
La loko estis nur bruema plaĝo.
Ĉu iu responsa?
Nur la trampoj konis la respondon
en publika parko
plena da ŝtelitaj statuoj.
Penelopo ŝiris la ŝtrumpojn
survoje al estonto.

# Vualoj, burkaoj kaj ĉadoroj, mi hatas vin.

## *Mohamed Pascal Hilout*

Iniciatoro de la nova islamo en Francio

...Antaŭ du jaroj, kiel islamana intervenanto, abrupte alparolis min homoj, kiuj afliktiĝis vidi pli kaj pli da ĉadoroj sur la stratoj, en plena centro de Marsejlo.

La indigno kaj la konfuzo de fotisto estis korprema: li ne eltenis esti devigata suferi tiun nigran hororon tie, kie Doisneau, la granda fotisto, iam kaptis kisojn kaj vivĝojon. "Vidi ĉadorojn, en la estetika kaj sociala spaco de Francio, estas neeltenebla" klarigis li al la publiko.

Fakte, la ĉadoro estas iu mova enfermiĝo, okulfrapa eksigo kaj evidenta humiligo, ne nur en Irano, en Afganio aŭ en Arabio, sed ankaŭ ĉi tie kaj nun, inter ni en Francio. Tiu publika segregacio testas nian maldiligentecon kaj submetas nin ĉiutage al grava aflikto. Laŭ tiu ritmo de alkutimiĝo en tiuj lastaj jaroj, ni povos vekiĝi iun tagon en franca pejzaĝo kies impresiĝemo estos komplete modifita. Nia indiferenteco al la enfermitinoj iĝos io normala: niaj infanoj ne plu miros prie kaj niaj fotistoj ne plu indignos, sed estos forlasitaj siajn aparatojn kaj rezignintaj fiksi la malbelecon de nia ĉiutageco sur siajn filmojn. Ni iĝos, kiel en Arabio aŭ en Nord-Afriko, komplete apatiaj rilate tiun ĉi disigon de la estuloj kaj la damaĝon al homa digno.

Ni ne povas elporti, silente, la leĝon de tiu malsanema rigardo pri la korpo de la virinoj sed ankaŭ pri mi, viro, partnero de ili en la ĉiutaga vivo. Estas ĉiam en la publika spaco de la jura vakuo, ke la arĥaikaj geislamanoj testas la limojn de nia tolero kaj niajn malfortajn punktojn por altrudi la kodon de siaj estetiko kaj malsanema rigardo al la tuta socio. Mi jam tro suferis prie en Nord-Afriko kaj ankaŭ ĉe l' televido. Mi tiom ŝatus eviti al ni tiun ĉiutagan humiligon, kiun oni ekkomencas iom post iom trudi al ni, ankaŭ tie ĉi en Francio.

Vualoj, burkaoj kaj ĉadoroj, mi hatas vin! Vi subpremis mian avinon kaj mian patrinon kaj vi volas daŭre subpremi niajn filinojn kaj nepinojn kaj limigi ilian liberecon en Francio kaj en Eŭropo. Mi ĵuras, sur la kapo de mia patrino, ke mi movos ĉielon kaj teron se necesas, por repuŝi vin en vian Mezepokon kaj en vian dezerton de Arabio; tien kie estas eĉ ne unu animo!

Kiel civitano indignita pro la kondiĉoj rezervitaj de la klasika islamo al la dolĉa duono de la homaro, miaj samrajtulinoj, la virinoj, mi aldonas mian krion al tiu de la Marsejlanoj kiuj abrupte alparolis min kaj miavice mi alparolas ĉiujn miajn kuncivitanojn. Estas bedaŭrinde alveni ĝis tiu punkto, sed ŝajnas al mi, ke niaj deputitoj ne eskapos kelkajn sendormajn noktojn por edikti leĝojn kontraŭ tiu nigra plago.

trad. ***Ĵak Le Puil***

# Kion vi ne legos en la ĵusa "Poemoj de Tang-dinastio.

## *Li Shangyin*

**Sentitole**

Reglutu sentojn. Jam printempo pasas.
Rigardu: grade noktofin-ĉiel'.
Domeĥoj: supren volas, sed prokrastas.
Ekran' ekardas: ek tra... ĝis ŝancel'.
Spegulfenikso – tamen embarase...
Hirundo sur harpinglo – tuj forpel'...
Dum – retro tra l'amorkvartal' aŭrore
stelgloraj flagroj sur juvela sel'.

**Printempa ekskurso**

Piga ĉeval' alkuras krutan ponton.
Rivero – longas. Blankaj birdoj – sor.
Salik' apenaŭ pro nebul' malsekas.
Persikojn blovos tuj ventfurioz'.
Karesi glavon sepjuvelornaman:
balkonapogas trietaĝa tur'.
Li estas juna ja: herbverd' envias
printempan robon de poetnatur'.



**Verkita dum vojaĝo sur la kŭejlin-vojo**

En varma lando sen aŭtunkoloroj
rivera klar' en sunsubira bril'.
Zum', zum' – ankoraŭ foran vagabondon
ne volas ĝisi la restanta gril'.
En vilaĝeto gardas min korthundo,
monaĥo sablon tretas al trankvil'.
Nordokcidenten mi rigardavidas,
sed – nur perdrikoj, suden, al ekzil'.

**Ĉe hŭi-ĵong peoniojn fuŝis pluvo**

Ridinde, ke granato floras nur jam post printempo:
velkinte, fali malmature – eĉ pli da dolor'.
Farbita citro kordoskue sonĝojn ofte rompis.
Sur jadtelerojn ŝprucas larmoj – ne angoras kor'.
Krepusk' ampleksas dekmil mejlojn – ne plu praĝardene.
Jen tuta jar' el homa vivo polvodrive for!
Se vi rigardos retro dancon "Fronte Rivereton",
senteblos ke ankoraŭ freŝas nuna belpulvor'.

## *Li He*

Printempa luno, korvoj nokte krias.
Palacekranoj kaŝas reĝ-florkronojn.
Subnube ruĝaj retfenestroj strias.
Purpurmonere musk' oblikve - ŝtonojn.
Pro rosabundo plenas jadaj bovloj.
Nigrigas lamparĝent' antikvan silkon.
Pri l'princo for en Ŝu - nenio nova.
Tra l'fontoj kreskas juna petrosel'.
Lunran' en frostotrem' kaj pralepor' blularmas.
Nubtur' sur lun' ekjadas, blank' oblikve - muron.
Jadrado rospistante lumglobetojn formas,
zontintas ĉarsonore strat' kasiaroma,
Klarakve, flavapolve Tri Senmort-Insuloj.
Ĉevalgalop-subite - tuj miljara pas'.
Ĉinio - for: jen ŝvebas pafe naŭ fumbuloj.
Marakvoj - nura flak' el renversita tas'.

Korskuas virĉagrene vento tra l'vutongoj,
lamplum-ŝancele kriĉas frostan silkon griloj.
Bambuon - verdajn slipojn - kiu legos longe,
malhelpos trupulvorajn libroverm-borilojn?
L'intestojn streĉrektigos certe noktcerbumoj.
Spiritarom' konsolos en malvarma pluv'.
Fantomo ĉantlamentos en tombej' aŭtuna.
Jarmilojn sangrankoro jadsmeraldos plu.

***

trad. ***Kris Long***

# Funebre al Sinjoro Jiang

vi ne estas eksterterglobano,
kial teni la oksigensakon
sur la dorso,de la nordo ĝis la sudo?
la aeron vi sentas maldensa
aŭ mision super via koro ŝarĝi?
vi neniam la piedojn priatentas;
kun rigardo supren,la nealta
korpo jam forlasas spurojn de giganto.

rajde sur la neĝa gruo, vi forflugas
kun nenia bruo. la somato kuŝos
sub nulpunkto, plu akceptos tranĉon
de praktiko. efektive, jam sufiĉas
via testo - vento prujno neĝo pluvo...
vi remaĉas ilin spite la dentaron.
kial ne cindriĝi kaj kun vento
malaperi? ho, spirito la solida
volas resti flago ĉiam ŝtala.

vetero nulgrada. la tro pulsa koro
igas semojn senti fajran ardon.
nepre ili breĉos la glacion
per la sango heredita kaj starigos
la standardon sur la monto,
kiun vi kreas per propraj karno kaj ostaro.

20080109 ***mao zifu***

*Jiang Zuyue, 1925.7-2008.1, esperantisto aktiva dum 57 jaroj, esperanto-edukisto, delegito de UEA en Changsha, Hunan, Ĉinio

# Vizaĝoj de Verakruco

*Peter Browne*

## Ĉapitro 4 – El Coyol

**1. El Coyol: 8 Kilómetros (1991)**

Mezherbomare kaj surmontete triva, malnova, apenaŭ legebla ligna vojindikilo levas la kapon el la sukoriĉa kreskaĵaro: *El Coyol: 8 kilómetros.*

Anĥelita, la filino de Don Patricio, ofte menciis tiun direktilon dum niaj interbabiloj en malhela angulo de la barako de Doña Blanka. Inter ni ĝia elvokigo fariĝis iasence privata ligilo, komuna signo de aparteneco. *El Coyol: 8 kilómetros*: tio ja estis kvazaŭ magia elvokado, signifante "tie ĝi estas".

Ripetfoje mi estis la indikilon vidinta, tage kaj nokte. Speciale impresa estis ĝia subita ekapero sub aŭtomobila lumigo en profunda nokto: danĝerohoro en la vasta savano, horo de la mortigisto. Tiele la indikilo ofte aperas en mia konscio, sonĝo: ekaperanta el profunda malhelo. Signalo por pilgrimanto, por homo serĉanta profundajn radikojn.

Atingi El Coyol signifas alveni insulon, oazon, unikaĵon: ĝia influo disradias tra la regionoj, ĝiaj elstaraj personoj estas konataj multege da kilometroj ĉirkaŭe. Vivi en El Coyol, eĉ dum mallonga aŭ intermita tempodaŭro, estas iasence partopreni senĉesan legendon.

Ekzistas romano pri El Coyol verkita fine de la 19a jarcento. Per ĝi oni povas lerni pri la avoj kaj praavoj de la nuntempaj loĝantoj. El Coyol ankoraŭ nuntempe estas ege interesa, ĝi havas en si mem personecon: temas pri ununura komunumo integranta plej diversajn socitavolojn, pri ununura homorganizo kvazaŭ flotanta tra la riĉegaj savanaj herbejoj.

Laŭ mia scio, ankoraŭ ne ekzistas romano pri El Coyol en la dudeka jarcento. Ege mi ŝatus verki ĝin.

**2. Savanaj promenoj (1991)**

Fine mi devis forlasi "mian" familion en Paso-del-Maĉo, kaj mia destino denove pelis min sur la etendiĝantajn vojojn de la verakruca savano. Denove mi vizitis El Coyol, ĉi-foje dediĉante min al longa marŝado tra kaj trans ĝia kamparo kaj flank-vojoj, inter la tuta majesteco de tiuj vastaj paŝtejoj, ĉiam alvide de tiuj belaj ravinoj kaj verdegaj sovaĝejoj. Tie gigante travagadis la brutaroj, lantaj kaj imponaj kiel bestoj el pratempo. Malgraŭ tiu majesto en la sino de la naturo, la homo ĉiam ĉeestis, kaj subite aperadis ĉe vojturniĝo aŭ de ie malantaŭe, ĉu piede ĉu surĉevale, ĉu unuope ĉu are. Jes, la homo ĉiam ĉeestis, sed preskaŭ kiel ĉiu alia fenomeno de tiu tropika natura mondo, kiel ŝtono, arbo aŭ bruto... Mem alparoli homon en tiu vasteco ekhavis certan ritecon, seriozecon de partopreno en la kosma superrealo. Neniu *buenos dias* (bonan tagon) aŭ *buenas noches* (bonan nokton) estis dirita sen iom da soleneco. Tie oftege mi sentis min tute ebria de tero kaj ĉielo, de la foraj savanaj horizontoj... Ree kaj ree Verakruco ebriigis min per unu aŭ alia avataro.

**3. Klarecon Sekvas Pluvoj (Somere, 1986)**

Tiusomere la giganta vulkano Orizaba estis klare kaj impone videbla forege sur la horizonto: brile kaj mistike blanka, ĝi ŝvebis kvazaŭ ia malofta insulo, kvazaŭ ia anĝela kastelo.

Tiu klareco de la firmamento daŭris tamen nur kelkajn tagojn. Baldaŭ ekfalis la pluvegoj, kaŝante la horizonton: post nelonge ĉiuj vojoj fariĝis netrapasebla koto.

Iu granda aŭtobuso kaptiĝis mezvoje, rande de la ranĉo. Tie ĝi daŭre kaj impone staris dum resto de nia ĉeesto, senmove trans la pluvokurtenoj kaj la flakoj, kvazaŭ trogranda kaj triste forlasita rajdobesto.

Ni estis pro tiu pluvado prizonuloj en El Coyol dum du semajnoj.

**4. Izole en Domego (1991)**

Super mia lito en la domo de Don Iŝmaelo estis alta kaj larĝa fenestro, per kiu mi povis kuŝe kontempli la supran parton de palmo, iom kliniĝanta kaj kun grandaj sanaj folioj, ĝuste kiel en tiuj bildoj kiujn oni vidas en vojaĝ-reklamejoj. Kiam estis sufiĉe da lumo mi povis pasigi multajn horojn tie legante la geniegan romanon, *Sub la Vulkano*. Ligna stango ial diagonale trasekcis la fenestron ekstere. Temp' al tempe malurĝe grimpis sur ĝi granda lacerto, igvano, sendube serĉante ĉasaĵojn.

Aliflanke, surmure estis super mia kapo krucifikso el nova, brila, eĉ iom travidebla blanka plasto sur kiu pendis malnovaspekta nigra rozario. Krom tiuj objektoj, la lito de Majlo, unu seĝo, la malgranda nigrablanka televidilo, kaj kelkaj ordinaraj tirkestoj, la granda, spacoplena kaj altegplafona ĉambro estis fakte vaka. Estis iu mallarĝa horizontala fenestro alte super la krucifikso, kaj kiam furiozis vento kaj pluvo, mi ricevis aspergon per ege fajnaj akvogutoj, ofte dum horoj.

Majlo devis foresti multan tempon, ofte eĉ dum du aŭ tri tagoj: necesis prizorgi negocojn, viziti amikinojn, flegi la patron... Do mi ofte restis tie longe en la alta, spacoplena domo meze de granda paŝtejo, siavice ĉirkaŭita per tre alta fera barilo.

Krom la igvano mi havis tie tri aliajn kunulojn malsupre sur la korto: du muloj, sufiĉe ordinaraspektaj, serioz-mienaj kaj silentemaj, kaj tre malbela bovino, kun ege tubera elstara osto-strukturo kaj tute triviĝintaj, eroditaj kornoj. Mi iufoje faris demandon al Don Iŝmaelo, kiun specon de bovo reprezentas ĉi-lasta – malgraŭ la manko de veraj kornoj, ĝiaj korpaj

trajtoj iom sugestis *Texas long-horn*. Li respondis sekege: "*no tiene nombre*" (ĝi ne havas nomon).

Ne malproksime de la patriarka domego estis barako kie Majlo kaj mi pasigis nokton antaŭ kvin jaroj. Nun ĝi plenas je diversaj eluzitaj objektoj, kaj polvo. Tie laŭdire havis neston, grandega igvano – tre eble bona amiko de tiu mia kunulo ĉe la fenestro.

### 5. Enkonduke: Don Iŝmaelo (1991)

El Coyol estas bieno de altklasaj, orgojlaj, aristokrataj vakeroj. La plej riĉa kaj la plej fama estis la patriarko Don Iŝmaelo, posedanto de vastaj terenoj kaj brutbredejoj diversloke tra la regiono. Febla kaj iom kripla, kun siaj naŭdek jaroj, la patriarko estis nur ombro de sia antaŭa mieno; estis jam nerevokeblaj la tagoj de tiu rekta, vertikala surĉevala figuro kiun mi ekvidis unuafoje tra granda bov-amaso kvin jarojn antaŭe. Tamen Don Iŝmaelo posedis kontrolon ne nur al sia propra menso, sed ankaŭ pri la administrado de sia vastega bienaro.

La vivo de Don Iŝmaelo etendiĝis laŭ preskaŭ jarcento de la meksikia historio. Junaĝe li travivis la eventoplenajn jarojn de la Granda Revolucio. Don Iŝmaelo, sendube ido de pratempa patriarko simila al li, blankhaŭtulo en la indiana Meksikio, estis eksterordinare favorata de l' destino; dum sia ekzisto li akiris enormajn posedaĵojn, kaj patris al ne malmulte da idoj per aro da amatinoj. Jam de sennombraj jaroj la famo de Don Iŝmaelo estis vasta tra la regiono kaj oni elparolis lian nomon ĉiam kun iom da pia respekto. Sed pri la forruliĝo de la longaj jardekoj kaj sia longega vivado surtera la patriarko preferis silenti; eĉ kun la propraj filoj li estis ege lakona.

Jam de junaĝo Don Iŝmaelo estis profunde religia, striktmora kaj abstinema. Alkoholaĵon kaj tabakon li estis tuŝinta treege malofte. Por li la ĉiutaga ekzisto havis karakteron de sindonema rito. Ĉie en la ĉirkaŭaĵo de Don Iŝmaelo oni trovis religiajn objektojn: rozariojn, krucifiksojn, la Virgulinon de Gŭadalupe, preĝlibrojn. Oni demandis sin ĉu eble lia longviveco iom ŝuldis al tiu religiemo, al tiu alimondeco...

Ĉiuokaze estis nun la aŭtuno de la patriarko, kaj neniu dubis ke lia forpaso povus esti tre baldaŭa, hodiaŭ, morgaŭ, aŭ postmorgaŭ... Sendube tiu forpaso signalos finon de epoko en la vastega ĉirkaŭaĵo.

### 6. La Fortoj de Don Iŝmaelo (1986-1988)

88-jara, Don Iŝmaelo estis ankoraŭ fortega. Fortikaj muskoloj liaj estis rezulto de longegaj jaroj da vakera kamparlaboro. Maljunaĝo ne estis farinta al li grandan malutilon. Neniam antaŭe mi imagis oldulon tiomaĝan kapabla porti du grandegajn sitelojn plenplenajn je akvo trans tiom da metroj da tereno... Tian taskon plenumis la patriarko ŝajne nature, senĝene.

Nur kelkajn jarojn poste, sekve de kripliga defalo de sur mulodorso, la grandaĝa vakero perdos siajn fortikajn fizikajn kapablojn. Ĝis tiam li pasigis la plejparton de l' tempo surĉevale, ofte pelante siajn grandegajn bovarojn de unu al alia, ranĉo laŭbezone, entrepreno kiu ofte devigis pasigi kelkajn tagojn sub libera ĉielo. Dum tiuj travagadoj Don Iŝmaelo ekkonis en la fruaj jaroj gastamajn virinojn kiuj fariĝos liaj amatinoj kaj la patrinoj de lia nemalgranda gefilaro.

Laŭ kelkaj fontoj, sole ne la ĉeesto de ŝatata virino, la ŝajne ĉiama lakoneco de Don Iŝmaelo povis forfali kaj doni lokon al flua babilemo.

### 7. Junaĝa Don Iŝmaelo (1991)

"*Mi papá no habla.*" (Mia patro ne parolas) komentis iufoje Majlo. Fakte tiu mallonga frazo en si mem spegulis la tipe kurtegan esprimmanieron de la patro, ĉe kiu 3-4 vortoj ĝenerale sufiĉis por respondi al iu ajn demando, por fari iun ajn observon. Pro tiu esprimbariero la filo sciiĝis pri la frua vivo de la patro nur post jardekoj da interkomunikado.

Ankoraŭ junaĝe, Don Iŝmaelo ŝoforis aŭtobusojn laŭ diversaj itineroj de la lando, ne pro neceso, sed pro avida deziro ekkoni ties tutan multflankan aspekton. Unufoje en Cuenavaca li vidis neforgeseblan figuron – tiun de Malcolm Lowry. "Kaj kion via patro memoris pri tio? Kaj la verkisto multe drinkis." Majlo eksplikis ke tiuepoke Cuernavaca ankoraŭ ne estis tre granda, kaj ke la ekscentra figuro de Malcolm Lowry estis nature ekstare videbla, tiel do la sperto de la patro enhavis nenion eksterordinaran.

Dum siaj vakeraj tagoj, Don Iŝmaelo ĉiam kunportis kelkajn librojn – ofte seriozajn romanojn, beletraĵojn – dum la multkilometraj, foje multtagaj ĉirkaŭiroj de unu bieno al alia. Je ĉiu haltiĝo li iom paŭzis por legi. En tiuepoka Verakruco tiu kutimo estis ja eksterordinara. En diversaj ejoj de la regiono kelke da libroj sur tablo fariĝis tutcerta signalo ke la legenda vakero troviĝas ie proksime.

Almenaŭ kvar malsamaj fontoj informis min pri la forkapto de Don Iŝmaelo far fifama bando de perfortuloj antaŭ proksimume dek kvin jaroj. La patriarko estis tre malbone traktata, ŝnurligita al seĝo kaj ŝlosita en malgranda ĉambro, dum tiuj fiuloj postulis multegan elaĉet-monon. En la nuntempo ankoraŭ vivas viroj kiuj ricevis kuglovundojn en intenco lin savi. Fine pli influis la morala pezo de granda bienularo kiu leviĝis kvazaŭ unu homo por postuli liberigon de la *magna* terposedanto. La malbonfarantoj konsentis, sen plu postuli, kaj Don Iŝmaelo denove sin movis libere tra la granda savano.

Eĉ grandaĝe – eĉ pli ol naŭdek-jara – Don Iŝmaelo posedis la ŝlosilon al virinaj koroj. Por la bela sekso estis speciala privilegio iel servi al li, alporti manĝaĵojn aŭ trinkaĵojn, ripari iun lian vestaĵon...

### 8. La Filo de la Patriarko

Majlo, mezstatura kaj brunhaŭta, laŭ la opinio de multaj havas la vizaĝ-trajtojn de majaa reĝido de la antikvaj ŝtongravuraĵoj. Lia kompleksa, multflanka personeco estas verŝajne produkto de egdiversaj vivspertoj kaj cirkonstancoj dum la infanaĝo kaj juneco. Ja, dum la fruaj jaroj la vivo de la filo de la patriarko balanciĝis inter la malsamaj mondoj de Paso-del-Maĉo, El Coyol, Puebla kaj MeksikUrbo. Tiu frua vivo estis ege intensa sur diversaj terenoj. Kampare,

oni preparis lin al la plej streĉa vakera kariero; urbe, li estis en la manoj de intelekte postulemaj jezuitaj majstroj.

Fruvive oni ankaŭ malkovris ĉe Majlo grandan talenton por la muziko, tereno sur kiu li egale ricevis daŭran klerigon. La juna kanzonisto gajnis la unuan premion en latinamerika kant-konkurso en Peruo. Kelkaj kanzonoj liaj eldoniĝis sur diskoj de konataj kantistoj, kaj ĝuis certan popularecon siatempe.

**9. Anĥelita, Filino de Majlo (1991)**

La filino de Majlo estis posedanto de du malsamaj sangoj kaj de du malsamaj heredaĵoj. Ŝi havis je sia plena dispono du mondojn ege disigitajn de geografio, tradicio, mondpercepto, vivcelo. Eble iun tagon ŝi eĉ ekposedos grandajn bienojn en ambaŭ tiuj mondoj. Anĥelita estis la unua kaj ĝis nun la ununura filino de la plej ŝatata filo de Don Iŝmaelo. En Usono, ŝia avo havis grandegan brutbienon en la regiono Wind River en la ŝtato Wyoming, kaj verŝajne ankoraŭ restas sufiĉe da tiu heredaĵo ankaŭ.

Sendepende de potencialaj materialaj bonaĵoj, oni ja dirus ke la knabino estis ege benata de la fortuno. Ŝi ja staris ĉe la kunfluejo de du riĉegaj kulturoj, kaj ambaŭflanke de la landlimo ŝia parencaro estis multnombra. Anĥelita ŝatas la kulturojn kaj de la patro kaj de la patrino. Tiuepoke ŝia rego de la hispana lingvo ne estis perfekta – ŝi instruiĝis ekskluzive en Usono en anglalingvaj medioj – sed ŝi klopodis lerni plej eble. Preskaŭ ĉiusomere ŝi iris al Meksikio aviadile, kelkfoje tutsola. Alveninte ŝi kamaradis kun multaj gekuzoj kaj en MeksikUrbo kaj en El Coyol.

La personeco de Anĥelita ŝajne kredigas la teorion de hibrida forteco: frue oni konstatis ke temas pri superdotita infano, kaj sekve ŝi sukcese pasigis kelkajn jarojn en speciala lernejo. Anĥelita estis ne nur ege sana, aktiva, kaj vigla: ŝi estis plurtalenta, kaj ŝiaj kapabloj disfloris interalie sur la terenoj de la muziko, gimnastiko kaj matematiko.

**10. La Festo de Anĥelita (1991)**

En la somero de 1991 estis por Anĥelita, tre speciala okazaĵo, ĉar oni festis ŝian dekkvin-jariĝon. En Meksikio, antaŭ ĉio en la plej tradicia kamparo, tiu evento estas gravega por knabino kaj festiĝas en plej grandioza maniero. La festo de Anĥelita okazis jene. Jam de monatoj oni faris diversajn aranĝojn, fabrikis belajn formalajn vestaĵojn por Anĥelita kaj por la nepra aro da festkamaradinoj.

Tiu festado disvolviĝis laŭ kelkaj etapoj kaj daŭris kelkajn semajnojn: estis dancoj kaj manĝoj kun multege da invititoj, specialaj honorigoj. Tamen la fina festo daŭris nur unu tagon. La partoprenantaro fariĝis ja armea. La dancado kaj festado estis grandiozaj, eĉ furiozaj. Je vesperiĝo la virinoj – inkluzive la honorigitino – komencis foriri. Je noktiĝo okazis malpaciĝo inter du grupoj da ebriaj viroj: oni interŝanĝis fivortojn, eĉ pugnobatojn. Ĝustatempe Don Xavier kaj areto da kunuloj ĉesigis tion per minaco de punpagoj aŭ arestoj.

Poste Don Xavier, la best-kuracisto, kaj aro da bienuloj interparolis, drinkis kaj festis ĝis la meznokto en lerneja ĉambreto. Ne mankis ekkrioj: "Vivu Bush, la mustelo! Vivu la Asocio de Brutbienula!"

Tiu estis unu el la du mondoj de Anĥelita. La alia estis la mezklasa, anglosaksa mondo de Denver, Colorado. Al Anĥelita la dukultureco ŝajne ne okazigis eĉ la plej etan psikologian problemon; pri malkongruiĝoj ŝi plej ofte nur ridis.

**11. Vasto kaj Fekundo (1991)**

Estis surprizige vidi ke en ĉegolfa regiono la ŝoseo, antaŭe triva, malglata kaj eĉ truoza, estis jam post kelka tempo bone pavimita. Verŝajne kelkaj aferoj en tiu mondparto estis vekitaj el longtempa dormemo. De Tampico suden speciale rimarkeblis nova prospero: novaj aŭtoj, bicikloj, vestaĵoj; ankaŭ nova usontipa entuziasmo. Tŭpan, Ticolutla, Naŭtla... la pura beleco de verda tropiko, ondaj ĝangal-kovritaj montetoj kaj ravinoj, blanka sablo, la blua maro... diverstipaj konkoj surplaĝe. Kun geografia ŝanĝiĝo, oni rimarkis ankaŭ alian karakteron ĉe la homoj: la Verakrucanoj, kontraŭe al la norduloj, estis malfermaj, viglaj, kun facila alparolo kaj ŝerco. Estis familiara mondparto finfine, kaj post nelonge la karaj, konataj vizaĝoj emerĝis kvazaŭ el vualoj de l' pasinto kaj memoro.

El Coyol (la nomo devenas laŭdire de iu malgranda palmfrukto) estas granda ranĉo troviĝanta meze de vasta, ege fekunda savano kun alta, suka herbaro kaj horizontale kreskintaj arbetoj similaj al tiuj kiujn oni vidas en filmoj pri la apertaj spacegoj de Afriko. La terenoj apartenantaj al la ranĉo etendiĝas multe da kilometroj ĉirkaŭe; sur ili paŝtiĝas diversaj gregoj de *zebuoj* – fakte varianto de la ĝibhava *brama*, speco speciale adaptita al vivo en tropiko. Ne malmulte da tiuj ĝibuloj estas vere gigantaj, sed por ili pli ol sufiĉas spaco en la vasta savano. Ankaŭ tie paŝtiĝas ĉevaloj, azenoj, divers-koloraj kaproj kaj kapridoj kun gracilaj kaj viglaj movoj... Kelkloke, laŭ maniero tipa al verakrucaj pejzaĝoj, la savano subiĝas en ravinojn kovritajn per densa, verdega ĝangal-kreskaĵaro.

La horizontoj estas vastaj, sed ĉi-somere nubtavolo konstante kaŝadis alvidon de la majesta neĝkovrita vulkano Orizaba. La bienaj loĝejoj kunestas vilaĝe meze de la terenoj; temas pri grupo da domoj kaj kabanoj distribuitaj kvazaŭ laŭ cirklo etendiĝanta pli-malpli kilometron ĉirkaŭe. Kelkaj tiuj domoj estas veraj juveloj de antaŭ-revolucia Meksikio; ili havas altajn tegmentojn kaj dikegajn murojn. Sur la ronda, malebena tervojo de tiu domaro estis konstanta la frapado de ĉevalhufoj, estis senĉesa la trafiko de orgojlaj, rekt-sidaj vakeroj sur altaj, belaj ĉevaloj kaj de indianaj aŭ mez-sangaj kamparuloj sur siaj humilaj sed facil-movaj azenoj kaj muloj, portantaj la plej diversajn varojn ĉeflanke: akvon en grandaj metalaj ujoj; ladskatolojn kun verdfajraj kapsiketoj...

(daŭrigota...)

# LKK-bis

**Komunikoj**

**Spegulo** estos kvaronjara revuo kun soci-kultura enhavo. Ĝin redaktos: Tomasz Chmielik (ĉefredaktoro), Lidia Ligęza, Kazimierz Leja kaj Stanisław Śmigielski. Enestos en ĝi originalaj poemoj, rakontoj kaj teatraĵoj, sed ankaŭ tradukoj. Multe da atento ni volas turni al la signifoplenaj eventoj kaj aperaĵoj en la arta vivo. Ni volas eliri el la verda "geto" kaj interparole kontakti elstarajn personojn de la kultura vivo.

Nin ĉiujn ligas la komuna sperto de tiu memorinda jaro 1989 – annus mirabilis - kaj ĉiuj ŝanĝoj, kiuj okazis en la politika kaj socia vivo, kiam finiĝis la komunista regado kaj formiĝis novaj ŝtatoj en la Meza kaj Orienta Eŭropo - en tiu parto de la mondo, kiu estas nia loko surtere. Tial ni volus montradi al Legantoj la gravecon kaj signifon de la jaro 1989 kaj la sekvon por ni, kiel parto de Esperantujo. *Tomasz Chmielik*

Spegulo aperos kvaronjare komence de la jaro 2008. 64-paĝaj kajeroj en formato A5, nigra-blankaj, kun kartona kovrilo. Prezo por enlandaj adresoj: 45 zł (inkluzivas VAT kaj sendokostojn). Por eksterlandanoj: 18 € (+ 6 € por eventuala prioritata ekspedado). Abonojn akceptas: Wydawnictwo HEJME, PL 41-250 Czeladź, ul. Wąska 21. Al la UEA-konto: <kazl-s> de Kazimierz LEJA.

**Groseto estas la urbo de la venontjara Itala Kongreso de Esperanto**, de la 22-a ĝis la 29-a de aŭgusto 2008. Ĝi estas en Toskano, la landoparto, kies ĉefurbo estas Florenco. Sed Groseto estas nekompareble pli interesa ol Florenco, ĉar apud ĝi estas la maro kun ĉiuj strandaj eblaj agadoj. Krome en ĝi oni trovas ĉion, kion oni trovas en italaj urboj: praaj etruskaj urboj, romimperia restaĵoj, katedralo de la 12-a jarcento, pentraĵoj de la renesanco, statuo de Garibaldi, pico, italoj, ktp. Informojn donas: <fei@esperanto.it>.

**Internacia studumo pri turismo kaj kulturo klerigejo de la internacia akademio de la sciencoj**. str. m.skłodowskiej-curie 10, 85-094 bydgoszcz. tel./fax: (+48-52) 346-11-51 . stud@esperanto-turismo.org http://www.esperanto-turismo.org

Ni invitas al studado de turismo, kulturo kaj lingvoj en 2008/2009. Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo estas trijara nepublika post-maturecekzamena lernejo funkcianta ekde 1991, laŭleĝe registrita ĉe Kuratorio pri Edukado en Bydgoszcz (n-ro 232/94) kaj ĉe la Urbestro de Bydgoszcz (n-ro 51/99).

La studjaro 2008/2009 daŭros ekde septembro 08 ĝis majo 09 kaj ampleksos: laŭ ĉiutaga sistemo po 30-40 studhoroj semajne (ferioj decembre kaj januare), kaj laŭ t.n. eksterĉeesta sistemo — la tri studekzamenajn AKB - Sesiojn: 33 Internacia Forumo pri Turismo, Edukado kaj Kulturo kun 35 AKB – Sesio dum 20-28.09.2008, Internacia Pedagogia Kurso dum 2-10.02.2008 kaj 33 AKB-Sesio kadre de 33 Esperanto-Tagoj de Bydgoszcz dum 19-27.04.2008. Necesas partopreni almenaŭ finekzamenan 34 AKB-Sesion dum 19-27.04.2008. Eksterĉeestaj gestudantoj povas ankaŭ partopreni, sen kromp ago, libere elekteblajn kursojn ekster la sesioj. En Bydgoszcz la studjaro 2008/2009 komenciĝos per 33 Internacia Forumo pri Turismo, Edukado kaj Kulturo kun 35 Sesio de AIS Klerigejo Bydgoszcz (AKB) dum 22-28 de septembro 2008, okaze de Monda Tago de Turismo (27.09) kaj Eŭropa Tago de Lingvoj (26.09). Ekde 1.04.2008 okazos Kurso de Pola Lingvo en la Universitato (UKW) en Bydgoszcz.

**La Esperantisto de la Jaro 2007**. "La Ondo de Esperanto" iniciatis en 1998 ĉiujaran proklamon de la E-isto de la Jaro.

Ĉi-jare estis proponitaj 20 personoj. La rezulto de la voĉdonado: Peter Zilvar 5 voĉoj, Ilona Koutny, Andreas Künzli 4, Renato Corsetti, Probal Dasgupta 3, Peter Baláž, Kalle Kniivilä, Katalin Kováts, Paul Peeraerts, Baldur Ragnarsson 2. Germana e-isto Peter Zilvar estas proklamita la E-isto de la Jaro 2007 pro diversflanka agado por kaj per Esperanto en Herzberg -- la Esperanto-urbo. Intervjuo kun la laŭreato aperos en la februara kajero de "La Ondo de Esperanto".

**Literatura konkurso Liro-2007**

La juĝkomisiono de la tradicia literatura konkurso Liro-2007, organizita de "La Ondo de Esperanto", ricevis 24 konkursaĵojn de 20 aŭtoroj el 7 landoj

Originala prozo: Laŭreato: Paul Gubbins (Britio) - Laŭda mencio: Miĥail Korotkov (Ruslando)

Originala poezio: Laŭreato: Hasano Ntahonsigaye (Burundio)– Laŭda mencio: Paulo Moĵajev (Ukrainio)

Traduka poezio (Poemoj de Saŝa Ĉjornyj): Laŭreato: Sergej Tiĥonov (Ruslando) - Laŭda mencio: Mikaelo Bronŝtejn (Ruslando)

Traduka prozo el la rusa lingvo ("Aptekarŝa" de Anton Ĉeĥov): Laŭreato: Anna kaj Mati Pentus (Ruslando) - Laŭda mencio: Miĥail Povorin (Ruslando)

Traduka prozo el la angla lingvo ("Eveline" de James Joyce): Laŭreato: Russ Williams (Pollando) - Laŭda mencio: Jack Warren (Britio)

# Niaj recenzantoj – afero de despero

Per sia libro *Heidis Lehr- und Wanderjahre* (1880), la svisa verkistino Johanna Spyri (1827-1901) mondfamigis la inan nomon Heidi. Kvazaŭ tio ne sufiĉus, en 1881 ŝi publigikis plian libron pri la ĉarma knabino, *Heidi kann brauchen, was es gelernt hat*. Tutaj generacioj de infanoj tra la mondo legis kaj ĝuis la aventurojn de Heidi, kaj dum preskaŭ 130 jaroj gepatroj, precipe en la ĝermanlingva mondo, baptis siajn filinojn Heidi. Laŭ niaj malkovroj, certe ne kompletaj, ni ankoraŭ ne trovis eĉ unu knabon/viron kiu nomiĝas Heidi. La nomo estas teŭtondevena kaj signifas, en sia origina formo, „gardistino".

Tiom pli surprizis nin legi en *La Sago* (La Sat-Amikara Gazeto), n-ro 37, Julio 2007, p. 9, en recenzo pri la libro de Heidi Goes *Afero de espero*, ke „Tiu libro baziĝas sur parto de finverkaĵo de la aŭtoro, por liaj licenciaj studoj en Universitato de Gent." La aŭtorino de la recenzo, Liliane Bon, ŝajne ne scias ke Heidi estas virino, kaj daŭrigas: „Tra kvar ĉapitroj li akompanas la leganton […]", „[…] La aŭtoro unue listigas la afrikajn landojn en kiuj li detale priskribas […]". Evidente ne temas pri tajperaroj, ĉar la recenzantino daŭrigas „ […] En la du sekvantaj ĉapitroj li traktas […] Fine li prezentas […]" Oni rajtas supozi ke la libroj pri la svisa knabino Heidi ne aperis en la franca, sed tiu supozo montriĝus erara. Rapida serĉado en la reto rivelas ke eĉ fama eldonejo, kiel Flammarion, eldonis librojn pri Heidi.

Ankaŭ la ruso Anatolo Sidorov, en recenzo aperinta en *La Ondo de Esperanto*, n-ro 10 (156), Oktobro 2007, p. 18, ne scias ke Heidi estas virina nomo. Li (la recenzanto), skribas „Kvankam *La Esperantisto* ne estis sur la labortablo de Heidi Goes, li faris grandegan laboron; li, mi dirus, verkis […]". Ĉar mi ne scipovas la rusan, mi ne povas kontroli ĉu la libroj de Johanna Spyri pri Heidi aperis ruslingve. Tio eĉ ne gravas. Gravas ke en nia mondeto (la Esperanta), oni apenaŭ povus imagi ke virino verkus nefikcian libron. Speco de seksismo, ĉu ne?

En la retejo de la Esperanta Civito, oni povas legi en *Heroldo Komunikas* de 20-09-07 (http://esperantio.net/index.php?id=421), recenzon de la afrikanologo (kiel la Civito nomas lin) Koffi Gbeglo (kiu subskribas la recenzon sub la pseŭdonimo Cophie Parphes). Enkonduke al tiu recenzo aperas la jena teksto: „*Afero de espero* estas 86-paĝa konciza historio de la esperanto-movado en Afriko, laŭ subtitolo de la aŭtorino, Heidi Goes el Nederlando. Ni aperigas ĉi-sube parton de la recenzo, verkita de afrika esperantologo, por periodaĵoj de LF-koop. La recenzo estas grava kontribuo al la historiografio pri la afrika Esperantio." El la ĉi-supraj linioj ni komprenas ke la recenzo estas pli grava ol la libro kaj ke, post kiam niaj kompetentaj recenzantoj ŝanĝis la sekson de la aŭtorino, alia, same kompetenta, transloĝigas sin al alia lando. (Sube ni vidos ke eĉ pli kompetenta recenzanto ŝanĝas ankaŭ ŝian nomon.) Estas neeble scii, kiu verkis la enkondukajn vortojn al la recenzo de la ĉionfaranto en la afrika E-movado. Sed tio ne gravas: li devus scii ke la aŭtorino de la libro kiun li „recenzas" estas belgino. Dum siaj vizitoj en Eŭropo, li ja vizitis ŝin, eĉ por diskuti la reesperantigon de ŝia disertacio.

En sia logoreo titolita *Ĉirkaŭ apero de afero* kaj legebla ĉe http://mas-eo.org/article.php3?id_article=205 (recenzo tio certe ne estas), la sama Cophie Parphes draŝas ĉiujn kiuj ne plaĉas al li. Li aparte ŝatas verŝi sian venenon kontraŭ Osmo Buller. Koffi/Cophie skribas, interalie, „Korespondado pluokazis inter la verkinto, Agnes, Hans kaj Koffi pri la pretigado de la libro. Jen en 2003 li povis havi la duan version. Tiam aperis la demando pri la eldonado. Ĉu UEA eldonu ĝin? Logike, tion farus UEA, sed la decido estus ĉe estraranoj aŭ komitatanoj. Ĉar la decido pri ĉio en UEA estas ĉe la ĝenerala direktoro Osmo Buller, spertoj montris, ke oni trovu alian vojon por eldoni la libron, alie, ĝi neniam aperos." La granda esperantologo tamen forgesas ke en 2003 Osmo Buller ne laboris ĉe UEA kaj, ironie, ĉu ne? en 2007 kiam li ja laboris tie, la libro finfine aperis, post kiam la Afrika Oficejo de UEA, sub la regado de Koffi Gbeglo, ignoris ĝin dum pluraj jaroj.

Se oni atente legas la vortojn de Koffi/Cophie, oni povas facile konstati ke lia ĉefa celo ne estas analizi la libron, sed ataki ĉiujn kiujn li ne ŝatas, kaj kisi la pugojn de tiuj kiuj akceptas tion, laŭ principoj vaste aplikataj en la Esperanta Civito, en kiu Koffi Gbeglo honore membras.

En sia numero 227 (Jaro 38), Septembro-oktobro 2007, la nederlandlingvia *Horizont.taal* publikigis recenzon de la sama libro. Ke en la recenzo oni legas ekzemple „La unua ĉapitro de la libro detale priskribas por ĉiu lando la unuaj paŝoj al esperantiĝo" apenaŭ surprizas, ĉar por multaj t.n. esperantistoj, la akuzativo ŝajnas esti io fakultativa. La aŭtoro de la recenzo kvazaŭ volas senkuraĝigi la leganton finlegi la libron, ĉar ŝi/li skribis „Tiun ĉi parton oni ne provu legi de A ĝis B" (ĉu kompreni: ne legu post B?). Ĉi tiu recenzo ne estas subskribita. Ĉu pro troa modesteco de la aŭtoro?

Modesta certe ne estas Ziko van Dijk (antaŭe Ziko Marcus Sikosek), kiu publikigis en la reto film-recenzon de la libro de Heidi Goes, kiu spekteblas ĉe: http://www.youtube.com/watch?v=eozeIaqihQo. En ĝi la germano loĝanta en Nederlando, asertas ke *Afero de espero* estas la diplomverkaĵo de la aŭtorino el 1999. Se li legus atente la libron kiun li „recenzas", li trovus, sur ties paĝo 9, la jenajn vortojn de la aŭtorino: „Tiu ĉi verko baziĝas sur la dua parto de tiu disertacio". Do, sur parto ne sur la tuta disertacio. La nederlandparolanta germano faras alian eraron konstante misprononcante la familian nomon de la aŭtorino. Se li ne estus tiel aroganta, li povintus interesiĝi kiel prononciĝas tiu simpla vorto en la flandra. Sed la germana Ziko kiu petus helpon de flandr(in)o? Jen bela ŝerco!

Kvin personoj recenzis la saman libreton kaj antaŭ ol publikigi siajn pensojn, ili ne degnis kontrol(ig)i tion kion ili proponas al la publiko. Bedaŭrinde ne temas pri io izolita. Tio ŝajnas esti tipa por multaj ene de nia diligenta recenzantaro. Speco de… Esperanta profesieco.

***Jacques Ortie***

## Legi, far ĴLP

**Mortopuno,** faktoj kaj dokumentoj, SAT-Eldona Fako Kooperativa, 2007, 150 paĝoj, prezo 8 €.

Jen libro entute legenda, des pli ke ĝi ĉipas!

Ne nur la klasikajn argumentojn por la abolo de mortopuno vi trovos, sed ankaŭ brilajn tekstojn de verkistoj. Unue jen *Klaŭdo Mizerulo* (Claude Gueux en la franca)., 40-paĝa teskto de Viktoro Hugo. En Parizo, malriĉa manlaboristo vivas kun junulino kaj ŝia infano. Sed la viro ŝtelas por havigi panon kaj fajron al sia kunulino kaj ties ido. Li estas kondaminta al kvin jaroj da malliberejo. Klaŭdo estas manĝegulo kaj multe suferas pro malsato. Feliĉe kunulo dividas sian porcion kun li. Sed tio ne plaĉas al la direktoro, kiu disigas la du amikojn. Klaŭdo tion ne eltenas kaj iam li frakasas la kranion de la direktoro per hakilfrapoj. Li provas poste mortigi sin, sed lin oni bone flegos ... por havi eblecon mortkondamni lin! Kaj la aŭtoro tiam diras: "Kiu el la du estis viktimo de la alia?"

La duan tekston *Ne mortigu* de Leo Tolstoj, jam aperis en la kadro de SAT-Broŝurservo – *Laŭte!* en 1974 kaj 1981. Ĝi estis publikita en 1900, reage al tiam okazintaj anarĥiistaj atencoj en Rusio. Forta kvankam mallonga teksto, kiun mi povas resumi per frazo: "Ne utilas do mortigi la Aleksandrojn, la Karnotojn, la Humbertojn kaj aliajn; kio necesas, tio estas konvinki ilin, ke ili mem estas murdemuloj, sed ĉefe malpermesi al ili mortigi, aŭ rifuzi mortigi laŭ ilia ordono."

Originala estas la *Fablo pri gilotin-ŝraŭbeto* de la Esperanta poeto Nikolao Nekrasov.

*La deklaro de Ravaŝolo* (malpermesita dum lia proceso) komplete mirigis min! Kiam oni scias, ke tiun deklaron Ravaŝolo faris en 1892, oni frotas siajn okulojn por certiĝi, ke tiu deklaro ne datumas de hodiaŭ! Jen ekzemplo: post la elmontro de suferoj de l' popolo, Ravaŝolo aldonas: "Oni komprenus, ke tio okazas en lando kie la produktoj maloftas, kie homoj malsatmortas. **Sed en Francio, kie regas abundeco, kie la viandovendejoj plenplenas, kie pano plenigas la bakejojn, kie la vestaĵoj, la ŝuoj amasiĝas en la butikoj, kie troviĝas neokupataj loĝejoj!"** Ja pli ol cent jaroj poste Ravaŝolo bedaŭrinde povus fari la saman deklaron!

Je la fino troviĝas *Historio, Mortopuno tra la mondo en 2007, Argumentoj kaj Perspektivoj.*

Dankon kaj gratulon al la SAT-Eldona Fako Kooperativa pro tiu bela unua donaco!

**Fraŭlino Maitreyi**, romano de Mircea Eliade, en traduko de Ionel Oneţ, 200 paĝoj, eld. Bero 2007.

Teĥnika desegnisto, Allan komencis sian karieron en Hindlando. Rapide oni sendas lin al Assam por inspekti la taluson kaj la pontojn sur la fervojo Lumding-Sadyia. Tiam la inĝeniero Sen, la patro de Fraŭlino Maitreyi, diras al Allan: "Sciu ke mi decidis inviti vin loĝi ĉe ni. Mia edzino donis al mi tiun ideon..." Sed ni estas en 1929, kaj forta estas la rasismo. Pri Maitreyi, amikino de Allan diras: "Ŝi ne malbelas, krom ke ŝi ŝajnas al mi malpura, kiel ĉiu hindino."

Kaj Allan do loĝos ĉe la inĝeniero Sen, kaj pli kaj pli enamiĝos al Maitreyi. "Estus mia plej granda feliĉo se mi sukcesus akceptiĝi min en ĉi socio." diras Allan... sed rasismo malofte estas nur unuflanka. Ne povos daŭri la sekreta amaventuro inter Maitreyi kaj Allan kaj ĉi-lasta estos pelita de la hejmo de Sen.

Kompreneble la konflikto inter orientaj kaj okcidentaj kulturoj estas grava temo en ĉi romano, sed, kiel dirus Manuel de Seabra "Ĉu nur unu civilizacio? Jes!"... Jes ĉar ĉie tra nia mizera mondo la amo de gejunuloj plej perturbas la kutiman ordon.

Dankon al Ionel Oneţ pro lia senriproĉa traduko.

**La regrifuzanto kaj aliaj budhismaj fabeloj**, rerakontitaj de Gunnar Gällmo. 2006, 84 paĝoj.

Kiam la princo Temio havis la aĝon de unu monato, li vidis sian patron kondamni homojn al plej teruraj suferoj. Do tiam li decidis ne iĝi reĝo. Dank' al multaj plej lertaj artifikoj li ne nur sukcesos iĝi ermito sed plie najbaraj reĝoj lin imitos! "Jen vera fabelo" legiĝas sur la lasta linio. Jes kaj la aliaj ses fabeloj – Vojuleto, La aproj kaj la tigro, Nandio la cervo, La birdkaptisto kaj la koturnoj, La monaĥo kiu pensadis tro, Fingroringo – aperigas saman humoron.

Jen legado por ĉiuj, sed laŭ mi ĉefe por infanoj kaj por komencantoj, ĉar la stilo de Gunnar Gällmo estas kaj tre flua kaj liaj rerakontadoj plenaj de humuro.

**Sennacieca Revuo 134-135**, suplemento al la n-ro7/8 (julio-aŭgusto 2007) de Sennaciulo.

La unua eseo de Gary Mickle "Ĉu E-o povas savi la 'Kulturan Diversecon'?" riĉas je multegaj referencoj. Ŝajnas al mi, ke la diro de Renato Corsetti, kiu dubis la utilon de debatoj pri la kvalitoj de E-o kiel potenciala ŝirmanto (aŭ voranto) de etnaj lingvoj, estas la plej trafa konkludo al la tuta eseo de Mickle: "E-o ne havas malantaŭ si nacion, kiu volas altrudi sian industrion, sian potencon, ktp. Ĉiukaze, diskutoj ŝajnas al mi sen granda senco, ĉar mondo, kiu akceptus E-on estus mondo tiom diferenca de la hodiaŭa, kiu estus kompreninta, kio estas la homaj lingvaj rajtoj, kaj kiu strebus protekti ĉiujn lingvojn.".

Djémil Kessous postulas ke oni "Respektu la sovaĝulon!"; La "Infera biblioteko", de Zoran Ĵivkoviĉ en traduko de Dimitrije Janiĉiĉ, troviĝas en prizono, kie oni devigas malliberulojn legi! Tereza S. parolas pri "Sano kaj laboro". "La rajto de Israelo esti rasisma", klare reliefigas la apartismon de tiu ŝtato. "Indiĝenaj kaj kilombanaj (?) batalo en Brazilo", "La vivuldiverseco" de Vinko Markov kaj poemoj de Bukowski kaj de Cezar kompletigas tiun riĉan (sed ve eble lastan!) revuon.

***

**La Gazeto n° 133**. Ne maltrafu tiun numeron se vi volas koni (parte tamen, ni ne troigu!) la vivon de Armela LeQuint kaj Ĵak Le Puil. Plie vi trovos fotojn (perfekte presigitajn) de la paro, de 1964 kaj 1966 en Alĝerio, de 1982 en Gresiljono, de 1978 en pariza kabaredo kaj de 1995 en Finlando. Aldone vi trovos ekstrakton de *Vojaĝo ĝis noktofino*, kiu eble puŝos vin al legado (vd. niajn vendataĵojn!).

Sed ankaŭ ĝuu la unuan parton de granda rakonto de Eugène de Zilah, *La princo ĉe la hunoj*; ni tie retrovas la talentan priskribanton de *Vivi sur barko*.



HMM... ONI FORGESIS METI LA 7 CIFEROJn LAŬ DISTRIBUO DE AĴOJ EN PERDITA MANSAKO... SED FEKEGALAS KAJ CETERE EVIDENTAS KE KELKAJ EL ĈI DESEGNITAJ AĴOJ (EKZ. GRANDAJ MASKOJ GLAVA ROSTILARO) ¡IRIS ENE DE ALIA VALIŽO, ONI DEVUS AZENI POR TION NE KOMPRENI
NIGRA KSILA, TRE KOKETA MASKO EL KAMERUNIO
FOJE TRO DA TEKSTO, NUN TRO DA DESEGNOJ, FEK'! ĈIAM, ĈIO, SENMEZURE
KAJ KIU DIABLE PETIS ĈIAN OPINION? DAMN'!
TIPA KSILA SIDANTULINO EL BURKINO, KIU PROTEKTAS DOMON
KSILA, IOM FARBITA, SUNA MASKO EL BURKINO (AŬ TOGO?)
(AŬ GANAO? VE!.. MI VERE TRO VAGADIS!)







# Fra Gaeta

**Roberto Benigni**

li estas homo verve fenomena
pro sia poezi' el abdomena
profund' ĝis ĉiu por' disvastiĝanta
li la italan lingvon parolanta
eĉ laŭamplekse iom ŝovinisme
nelacigeble diras humanisme
kun sento tute plena je beleco
de l' dia komedi' al korapreco

**Ĉu baldaŭ ankaŭ mi tiel**

inter sonĝa kaj reva realaĵoj
ĝiaj vivaj deziroj en miksaĵoj
kun aspiro al ajna voĉvokalo
fiŝo lokita en vitra bokalo
pro inventeme radika inerto
kun apetite kronika malcerto
kvankam uzante la korpan fieron
mute atendas la finan liberon

**Danke al Franjo jen mi praavo**

ŝi naskis bebon l' allogan leandron
dum mediteranea bano ekis
perdo de l' akvoj tion ŝi ne sentis
poste urĝis al ej' mia edzino
nun praavino plantis oleandron
mi laĝestromjon plantis kaj vekis
ĉarmon abeloj viziton konsentis
al ea planto pro la florfascino

**Vivfrukto**

matura fig' pendanta de la branĉo
se venos ventoskuo tuj mi falos
per tiom da sukero riĉigita
min ŝatos pro l' dolĉeco vivgustanto
aŭ eble ĝuos juna diletanto
ĉe la artaĵo sune preparita
kies interno krion prikristalos
dum vana tago iĝos festdimanĉo

**Mi kune kun Gripo**

ni estas vidalvide kaj senlime
nin skuas reciproke malsublime
perditaj en milito la sennoma
malbon' kaj mi pelitaj al malhoma
malamo ĝis perforto detruema
dum tempo mankas por vort' rekviema
ni iras senkompate al mortumo
kaj ŝvite luktas solaj en brakumo

**Anjo el Pejpino**

en pejpinkupeo
ĉe la suna kvino
estas amikino
de la lingvo eo
por nia ideo
ne estas francino
sed ĉarma anglino
la ĝojorkideo

**En biblioteko kune kun Anjo**

vi venas al kunven' interkonsenta
ĉu vi ridetas eble jes kontenta
pro ĉio kio klare vin ĉirkaŭas
ĉi tie scio dormas aŭ laŭlaŭas
nun via voĉo legas kaj mi miras
tre bone vi eldiras mi admiras
ŝvebante kvazaŭ sub influo fea
la taŭgan tembron en la lingvo ea

**Ĉe vi Anjo**

hieraŭ okazis
ĉu fajr' el infero
pitbula danĝero
viv' ne plu oazis
ne estis malbono
ja ni renkontiĝos
alie estiĝos
la nova burĝono

**Por vi Anjo**

eniru mian mondon melodie
mi provas ĉiel verki harmonie
nu tio estas ĉio la cetero
fatraso nur ŝuldata al la tero
sur kio mi prifajfe ŝatas agi
la tuton en ĉi vivo ĉiam pagi
mi loĝas nun en sune klara domo
kaj estas ja la plej feliĉa homo

**Kaj nun Anjo ekverkas**

bazinte vian vivon sur la vortoj
sur kiuj staras multaj homaj sortoj
vi lernas la terminojn atenteme
uzante vian emon etekstreme
kritike sed laŭ via korapreco
vi ilin ĉirkaŭbrakas en soleco
kaj prove verkas tute apogee
inkline sub la volo verobee

**Ĉe vi Kalocsay**

jen mia vero nura personeco
nun antaŭ la alies korapreco
ĉe vi kalocsay la teksist' magia
pli ol silento sente imperia
post sonĝoj revoj post tioma ĉio
en mi nur nuno estas restas mio
min devoj vokas baras al mi flugon
mi klinas kapon sub benitan jugon

**Esperant'**

estis io brileta eksterhejme
simpla celo por homa korprogres'
pere de persistem' kaj periskop'
ekis zorgo prilingva inkluzive
ravan helpon de taŭga profesor'
ankaŭ donis genio virtuala
novan ilon por tuja alkuven'
tiel iras nun la prioritat'

**Novembra momento en Provenco**

ĉar daŭras mildo en maten' lazura
mi ebriiĝas ĉe la am' natura
pelante foren l' emon amnezian
prizorgas mi l' agadon poezian
en ĉi ĝardeno sub la suna brilo
l' aeron troan donas per postilo
tuj venas mia kato scivoleme
ĝi flegas mian ombron senprobleme

**Estas plio**

kun mi edzino nia familio
kaj pli en mia menso papilio
por floroj belnovstilaj pro e-volo
paroligante min al eĉ mongolo
ĝi estas mia plej humana ilo
per ĝi naskiĝas mia starprofilo
en mondo ŝanĝiĝanta laŭ folioj
flirtemaj en venteto al fidplioj

**Plej eme papilie**

inspire ekverkante eksplicite
mi kuŝas tiom bone mialite
ke iri aliloken ne intencas
ja dum al eo pense plutendencas
plej eme papilie altkvalite
flugetas senkonscie cenobite
lasante tion kio diferencas
ĝis jen per lasta vorto riverencas

# Eneado

parto dua

***Gennadij Turkov***

67

Enej' de l'mar' al Karfahen'.
Povrul', per larmoj sin defendis
Kontraŭ voranta lin ĉagren'.
Li vere pri Didon' sopiris
Kaj longe ploris, sed ja diris,
Aŭdinte, ke ŝi bakis sin:
"Al ŝi ĉiela estu regno,
Al mi — surtere longa rego,
Kaj ree trafu min vidvin'!"

68

Baldaŭe misvetero ekis:
Ekŝvelis nuboj kaj ondar',
Ventegoj kiel bestoj blekis,
Boatojn skuis ŝtorma mar',
La tuta ĉirkaŭaĵ' demonis,
Multaj ŝipanoj preskaŭ dronis,
Stultule giris ĉiu ŝip'.
Trojanoj, terurate, faris
Nenion, nur senvorte staris
Kun fridiĝinta ventro-trip'.

69

Inter Eneja tuta hordo
Bravul' montriĝis unu nur:
Ĉiame kun gajiga vorto
Blagant', nomata Palinur'.
Li antaŭ ol ceterularo
Ekkriis al la mara caro:
"Ĉu folas vi, sinjor' Neptun'?
Ĉu nian monon jam forgesis,
Ke kontraŭ nin vi ekagresis?
Al ni pro kio tia pun'?!"

70

Ĉar vortoj estis nehelpivaj,
Li al trojanoj diris: "Nun
Nin Dio lasis dume vivaj,
Sed cerbumaĉas ja Neptun'!
Do, iru ni, fratuloj, kien?
Neniel trafos Italien,
Ĉar ne proksimas Itali'!
Mar' estas glita, kiam ventas,
Ĉu eble ŝipoj hufferendas?!"
Kaj post moment' plu diris li:

71

"Ekzistas Sicilia tero,
Ne longe for de tie ĉi, —
Insulo riĉa, kun prospero;
Al mi konata estas ĝi.
Ni, karaj knaboj, ĝin preferu,
Ke nia morno malaperu.
Rezidas tie car' Acest'.
Ĉe li ni vivos kiel hejme,
Havante ĉion senprobleme,
Estos por ni verega fest'!"

72

Trojanoj al labor' sin ĵetis,
Ekremis kun fervora snuf',
Kaj kiel sag' la flot' impetis,
Kvazaŭ ĝin batus djabla huf!
Tuj kiam ŝipojn nur ekvidis,
Sicilianoj ekrapidis
Kun ĝojosaltoj al haven'.
Unuj aliajn pridemandis,
Per ĉirkaŭpren', kisad' galantis,
Al reĝo iris por festen'.

73

Acest' Enejon kvazaŭ fraton
Akceptis kiel gastigant':
Invitis tuj en sian ĥaton,
Regalis per plej bona brand'.
Ĉefaj manĝaĵoj estis: lardo,
Kolbas', kukumoj, sal', mustardo,
Amas' da pano en kribril'.
Nutritis tuta hord' nomada.
Kantonmentejoj por noktado
Troviĝis, jes, sen malfacil'!

74

Trojanoj en gastigaj domoj
Ronronis pro manĝaĵ-buntec':
Surtablis viandaĵ', terpomoj,
En kruĉoj brand', kisel', pasteĉ',
Molegaj bulkoj, eĉ boletoj,
Zrazoj* el hepataĵ', kuketoj
Kun ajl', el fagopirfarun'.
Tiom Enej' en sin enpuŝis,
Ke preskaŭ sen spirito kuŝis,
Gruntante kun surgrunda frunt'.

75

Kvankam Enej' ebriis «iom» —
Ne finforlasis lin l'anim'.
Li ne forgesis patron sian —
En koro restis diotim'.
Anĥiz' mortintis tiun tagon,
En kiu tro drinkaĉis brahon.
Hodiaŭ estis datreven'.
Enejo sciis: se nutritos
Ĉi-tage almozul' — ovritos
Por patro pordo al eden'.

76

Li kunvenigis trojanaron
En korton, kaj eliris mem
Por peti aran solidaron
En intencata entrepren':
"Al vi, sinjoroj, ne surprizo,
Ke mia patro 'stis Anĥizo.
Kiom fluigis li tra l'buŝ'!..
Per ĉi fluaĵ' ekbruligita,
Al vivo paĉjo iĝis kvita —
Forglitis kiel vintre muŝ'.

77

Tagmanĝon rememoran fari
Al almozuloj volas mi
Kaj tuj komencos ĝin prepari...
Ĉu helpi min konsentus vi?"
Trojanoj ĝuste tion volis
Kaj ĉiuj laŭte ekparolis:
"Enejo, Dio helpu vin!
Kaj ankaŭ ni — sinjoro, sciu —
Helpados vin en faro ĉiu —
Ne opiniu aĉaj nin!"

78

Kaj oni brandon kaj viandon
Ekkuris aĉetadi tuj,
Da farunaĵoj grandan kvanton...
Vazaron trovis laŭ postul',
Mielgriaĵon faris ritan,
Pretigis akvon dolĉigitan,
Invitis popon por diserv',
Sonorigadon antaŭpagis,
Por almozuloj — kurzigzagis
Tra l'tuta urb' en serĉa verv'!

79

En kort' fajrego aranĝitis
En sekva tag', ekde maten'
Boligis oni, bakis, fritis,
Ke estu pompa la festen':
Da barĉo preskaŭ ses kaldronoj,
Sep — da haluŝkoj kun buljono,
Da pan' kaj bulkoj — tuta mont',
Sur tabloj kuŝis jam amasoj
Da ŝafoj, kokoj kaj anasoj —
Ke satu ĉiu ĉeestont'!

80

Brandaĉo estis en siteloj,
En kuvoj — nutro kaj bier',
Por brah' konvenis nur bareloj...
Ĉe ĉiu lok' — ĉerpil', kuler'.
Ekkantis oni «Kun sanktuloj...»,
Ekfluis larmoj el okuloj.
Kaj poste ekis vera vor'.
Kaj tiel oni sin regalis,
Ke iuj de sur benko falis.
Kaj tiam — kia rememor'?!

81

Enej', kun ĉefular' sidanta,
En rememoroj longe 'stis:
Nenion antaŭ si vidanta,
Daŭrigis trinkon pri Anĥiz'.
Kaj poste li deĉetabliĝis,
Promenis, iom resobriĝis,
Kaj kun aŭdebla larĝe tint'
Manplenon da moneroj ĵetis
Al la gastar' — per tio petis,
Ke ili preĝu por mortint'.

82

Krurforto ĉe Enejo velkis,
En kap' aperis halucin',
Okuloj kiel strigaj ŝvelis,
Atakis konvulsioj lin.
Pro febl' apenaŭ ekvilibris,
Literon M per gamboj skribis
Kun abomen' al mond' en kor'.
Kiel barelo pufiĝinta,
Sen senvestiĝo kuŝiĝinta,
Sub benk' li dormis ĝis aŭror'.

83

Li havis en la buŝ' fetoron,
En peza kapo 'stis vertiĝ',
Helmintoj iaj suĉis koron,
Skuiĝis korpo, — ĉe vekiĝ'.
Nur post ol brandon kun zinzibro
Li glutis, ĉesis la manvibro
Kaj en la kapon venis klar'.
Li tiam elsub benk' elrampis,
Ektusis, ternis, poste stamfis
Kaj kriis: "Drinku ni, fratar'!"

84

Komencis ĉiuj tuj jubili —
Rilatis al alvok' kun ŝat'.
Kiel porkidoj brahon, ili
Brandaĉon suĉis kun ŝmacad'.
Trojanoj sin per brand' agitis,
Sicilianoj ne hezitis
Kaj same trinkis, sen persvad'.
Nur tiun, kiu sorbis multe,
Ĉerpil-trionon unuglute,
Enejo konsideris frat'.

85

Per kant' lernantoj nutron petis,
Starante en pordapertur'.
Jen ciganinoj danckoketis,
Blinduloj ludis sur bandur'.
En urb' aŭdeblis multaj krioj,
Ĉar ĉiuj estis jam ebriaj.
Decid' aperis ĉe Enej'
Aranĝi pugnobat-batalojn,
Do li kriegis, ke rivalojn
Oni venigu al luktej'.

86

Sur peroneto sidis estroj,
Sur korto staris subular'.
Kelkiuj gapis el fenestroj,
El post pordego, desur ĉar'.
Jen venis por konkur-renkonto
L'unua pugnobat-luktonto,
Dares' nomatis ĉi knabeg'.
Li 'stis kiel brogita hundo,
Rivalon el ĉirkaŭapudo
Elvokis li per tia blek':

87

"Hej, kiu inter vi kuraĝus
Sentime iri kontraŭ min?! —
Dentaĉojn siajn ne domaĝus?
Konsentus sangolavi sin?
Nu, nu, alpaŝu, proksimiĝu,
Kun miaj pugnoj intimiĝu —
Tuj sub okul' aperos vund'!
Ĉi tien, fiaj bakalaŭroj, —
Fariĝos vi duonkadavroj
Post mia bat' al via frunt'!"

88

Sed longe tre Dares' atendis.
Silentis ĉiuj: kontraŭ li
Eĉ iu venkon ne pretendis! —
Timigis onin lia kri'.
"Vi tial ne apertas buŝojn,
Ĉar antaŭ mi similas muŝojn!" —
Fanfaronad' pri sia fort'
El buŝ' Daresa tiel fontis,
Ke aŭdi ĉi vortaĉojn hontis
Ĉiu staranta en la kort'.

89

Trojan' Absesto koleriĝis,
Ekrememoris pri Entell',
Kaj tuta li malmoderiĝis
Kaj tuje kun kurad-akcel'
Entellon serĉi ekimpetis —
Al tiu li rakonti pretis
Ĉion diritan far Dares'.
Entello 'stis kozak' kuraĝa,
Kun pugnoj grandaj, brusto larĝa,
Altulo kun solida pez'.

90

Entello tiam, tre ebria,
Dolĉege dormis sub baril'.
Kaj oni en kaŝejo lia
Eltrovis lin kun malfacil'.
Per laŭtaj krioj, per mantuŝoj
Kaj eĉ per fortaj piedpuŝoj
Komencis oni veki lin.
Okulojn eĉ ne malfermante,
Elmuĝis li reekdormante:
"Vi kial, djabloj, skuas min?!"

91

"Fratul', vekiĝu do, malsvenu!" —
Absesto diris al dormant'.
"Ekzekutist'* vin ĉiujn prenu!" —
Responde kriis la gigant'.
Sed poste, kiam li komprenis,
Kion Absest' konigi penis, —
Tuj saltleviĝis kun kuraĝ':
"Dares'? Mi punos ĉi ulaĉon!
Al li aranĝos bonan kaĉon!
Sed nur post iom da drinkaĵ'."

92

Brandaĉon oni tuj alportis.
Trinkinte ĉiom el gamel',
Vizaĝon sulkis kaj distordis
Kaj diris post osced' Entell':
"Nun al Dares' kun vi mi iros,
Lin en tabakpecetojn ŝiros!
Ricevos multon ĉi ŝakal':
Mi lin per pugnoj sangmakulos,
Ĉiujn ripaĉojn trakalkulos —
Instruos lin ja pri batal'!"

93

Antaŭ Dareson kondukite
Entell' ekridis:"Hej, krudul',
Plibonus, se ci senhezite
Sin kaŝus ie en angul'!
Mi cin dispremos kiel ranon,
Mi disŝmirinte faros flanon
El cia fizionomi'.
Ĉe vid' de ci satan' hororos,
Kun l'ostoj djablo cin devoros.
Ci ne forglitos nun dis mi!"

94

Entell' surteren ĉapon ĵetis,
Manikojn kuspis ĝis kubut',
Kunpremis pugnojn kaj jam pretis
Rivalon venki en la lukt'.
Per dentoj grincis pro kolero,
Piede batis kontraŭ tero
Kaj atakiris al Dares'
Jam ne ĝojanta pri l'okazo...
Entell' ne pensis pri frakaso,
Sed estis certa pri l' sukces'!

95

Ĉi-tempe dioj en edeno
Gastmanĝis en Zevesa dom'.
Forgesis ili dum festeno
Klopodojn de la tera hom'.
Diversajn frandojn ili manĝis:
Tritikan blankan panon maĉis
Kun platoj de buter' kaj ŝink',
Plenigis sin per pomoj, beroj...
Kaj kiel perĉoj en rivero
Pufiĝis pro abunda drink'.

96

Subite Merkurij' al dioj
Alkuris anhelante tre,
Kiel kateg' kun dorsaj strioj
Al kuk' kazea en ole'.
"He! He! Vi tiel jam ebrias,
Ke pri la mond' nenion scias.
En Sicilio — malkonkord'!
Vidinte tion, vi ekmiros,
Ĉar tie: kvazaŭ tuj eniros
En l'urbon la tatara hord'!"

97

Por vidi sur la ter' pelmelon
Forgesis dioj pri ripoz' —
Elŝovis nazojn el ĉielo,
Kiel somere buf' el ros'.
Kaj tie: ĝis la zono nuda
Entell' la pugnon svingis pudan
Direkte al Daresa naz'.
Entello estis bird' malklara*,
Kiel kozako nigramara —
Dares' do 'stis en embaras'!

98

Tempidolor' Veneron trafis,
Kiam ŝi vidis, ke Dares'
Malfacilaĵon, ve, ekhavis.
Ŝi diris "Paĉjo!" al Zeves' —
"Vi faru, ke Dareso fortu,
Ke lian kapon ne fortordu
Entell' en tiu ĉi kverel'.
La tuta mondo min forgesus,
Se vivo ĉe Dareso ĉesus. —
Dares' do venku en duel'!"

99

Kaj jen Baĥuso ekparolis,
Ebria paŝis al Vener'.
Skoldante ŝin li tuta bolis
Kaj svingis pugnojn pro koler':
"Al djabloj iru ci, mizera,
Abomeninda, malsincera!
Kaj ŝlime glitu for Dares'!
Tuj brandporcion mi ripetos
Kaj stari por Entello pretos.
Ne povus helpi eĉ Zeves'.

100

Se ci nur konus ĉi kozakon!
Tra l'mondo tiaj estas rar'.
Li brandon trinkas kiel brahon.
Kun tiaj mi — en solidar'!
Dareso ne esperu savon —
Entell' ja faros bonan lavon
Al li, kun longa postimpres'!
Kaj kiel ajn ci artifikos,
Klopodoj ciaj ne efikos,
Do ĉesu pledi por Dares'!"

101

Ĉi vortojn tuj Zeves ekaŭdis,
Kaj — kvankam, peza pro ebri',
Apenaŭ langon li movadis —
Kapablis ja al laŭta kri':
"Silentu! Kial vi trofruas —
Pri fremdaj faroj tiel bruas?
Al ambaŭ kolon batos mi!
Neniu lukton enmiksiĝu
Ĝis fin' — nur tiam venk' fiksiĝu
Kaj kiu indas je premi'!"

102

Vener' larminte kaj ĝeminte
Pro malsukces' kaj malkonkord',
Hundece l'voston subpreminte
Al sojlo trenis sin, al pord'.
Ŝi Marson en angulon vokis
Kaj kun malic' Zeveson mokis.
Kaj ŝia malamik' Baĥus'
Ĉe Ganimeda uj'* deĵoris:
Duonon de sitel' elvoris
Kaj sidis kun hikad' kaj tus'.

103

Dum ebriegaj niaj dioj
Interinsultis en eden',
Sur la insulo Sicilio
Okazis plu mirinda scen'.
Post timo venis luktekstazen
Dareso, kaj pugninte nazen
Regalis bulbon al Entell',
Kiu de l' bat' ja impresiĝis —
Preskaŭ kvinfoje renversiĝis...
Muk' fluis sur ĉenaza ŝvel'.

104

Entell' fariĝis violenta,
Eĉ buŝe ŝaŭmis pro frenez'.
Bat' lia estis eminenta:
Tempion trafis ĉe Dares'!
Al tiu saltis tuj fajreroj
Antaŭ l'okuloj en aero,
Surteren falis li, povrul',
Kaj burdojn aŭdis, ĝemojn faris,
Pernaze grundon fosis-flaris,
La kapo ŝvebis en nebul'.

105

Entellan venkon laŭte laŭdis
Ĉiuj starantaj en la kort',
Dares' far ili primokatis,
Ke fanfaronis li pri l'fort'.
Enej' ordonis kun prudento
Balanci lin en freŝa vento —
Li ternu pro tempia bat'.
Kaj al Entello hriŭnon* donis
Por flartabako — li imponis
Per tiel brila rezultat'.

(daŭrigota)

Notoj

strofo
74 **zrazoj** — viandaj aŭ terpomaj kotletoj kun diversaj farĉaĵoj
91 vortoj **ekzekutisto** kaj **malamiko** (el strofo 122) ofte uzatas en la ukraina lingvo anstataŭ **diablo**
97 ukrainlingva idiomaĵo **malklara** (necerta) **birdo** signifas nefidindan, suspektindan personon
102 **Ganimeda ujo** — t.e. brand(vin)ujo, ĉar Ganimedo estis vinĉerpisto
113 **sidigi iun sur glacion** — ukrainlingva idiomaĵo signifanta: detrui, pereigi ies aferon, entreprenon
105 **hriŭno** — ukraina monunuo

# Letero

Pri LKK-124: Eble mi ne komentis antaŭe ke Fra Gaeta estas bonnivela poeto. Kelkfoje iom malfacila por kompreni, sed tia ja la poezio. Denove mi ŝatas la eljapanigojn (Basyô). En Esperanton far homo kun rus-sona nomo – tia Esperantejo!

La plej bona poemo estas "Kanto" de Doina Cetea – certe Ionel Oneț faras al ni bonan servon per tia traduko. La elgermanigo de Böll far Lutermano ankaŭ interesas; ĉi antropologia fikcio amare substrekas la korodon al indiĝenaj kulturoj kaj lingvoj.

Interesa estas "Vana estis mia konsilo" de Kurisu Kei. La aŭtoro substrekas la nefacilecon de E-o por nehindoeŭropanoj – kiu montras ke ankaŭ en Esperantujo ĉiuj homoj estas egalaj, sed ke kelkaj estas pli egalaj ol aliaj. Sed Kurisu Kei sciu ke mi dediĉas multan tempon al lernado de la japana – la tamen ne parenca Mandarina kondukis min en ĝin – do montreblas, ke almenaŭ kelkaj hindoeŭropanoj bonvolas ekskursi sur nehindeŭropa tereno.

***Peter Browne***

# Io ajn

**Citaĵoj de JC Vandamme**

*** Laŭ statistikoj, unu persono el kvin suferas psikan perturbon. Se troviĝas kvar personoj ĉirkaŭ vi, kaj se ili ŝajnas al vi mense sanaj, atentu!**

*** Se vi telefonas al aŭguristino kaj se ŝi ne respondas antaŭ la sonorado, malŝaltu.**

*** Vi ne bezonas fulmlumilon kiam vi fotas kuniklon, kiu jam havas ruĝajn okulojn.**

*** Se vi dormas kaj sonĝas ke vi dormas, necesas ke vi vekiĝu dufoje antaŭ ol ellitiĝi.**

*** Se vi perdiĝis en arbaro kaj se vi restas senmova dum du jaroj, tiam kreskos musko sur iu flanko de viaj kruroj. Jen la nordo!**

# KUN SAKO SUR LA DORSO

## J.K. HUYSMANS – trad. *JP DANVY*

Tuj post kiam mi finis miajn studojn, miaj gepatroj opiniis utile min aperigi antaŭ tablo vestita de verda tuko kaj superigita per bustoj de maljunaj sinjoroj kiuj deziris scii ĉu mi lernis sufiĉe da morta lingvo por esti promocita ĝis la grado de abituriento. La ekzameno estis sukcesa. Vespermanĝo, al kiu ĉiuj malproksimaj gefamilianoj estis kunvokitaj, celebris mian sukceson, demandis pri mia estonto, kaj fine decidis, ke mi studos juron.

Mi proksimume bone trapasis la unuan ekzamenon kaj mi elspezis la monon de mia enskribiĝo por la dua jaro kun blondulino, kiu pretendis ami min, je precizaj horoj.

Mi asidue frekventis la Latinan Kvartalon, kaj tie mi lernis multajn aferojn, inter aliaj interesiĝi pri studentoj, kiuj kraĉas ĉiujn vesperojn en bierkruĉojn siajn politikajn ideojn, kaj ĝui la verkojn de George Sand kaj Heine, de Edgar Quinet kaj de Henri Murger.

Pubereco de stulteco estis al mi okazinta.

Tio ja daŭris jaron ; mi iom post iom maturiĝis, la elektoluktoj de la fino de la Imperio ne interesis min ; mi estis la filo nek de Senatano nek de proskribito, mi bezonis nur sekvi sub ia ajn reĝimo la tradiciojn de mezvaloreco kaj mizero delonge akiritajn de mia familio.

Juro malmulte plaĉis al mi. Mi opiniis, ke la Kodo estis vole malbone redaktita por ebligi al certaj homoj la okazon ĉikani senlime pri ĉiuj ĝiaj vortoj ; ankoraŭ hodiaŭ, ŝajnas al mi, ke frazo klare skribita ne povas racie enteni tiom diversajn interpretadojn. Mi pridemandis min, serĉante laboron kiun mi povus fari sen malŝato, kiam ĵus mortinta Imperiestro trovis ĝin por mi: li soldatigis min pro la maltaŭgeco de sia politiko.

Milito kontraŭ Prusujo eksplodis. Verdire, mi ne komprenas la kialojn, kiuj neprigis tian buĉadon de armeoj. Mi sentis nek la bezonon mortigi aliulojn, nek esti mortigita de ili. Tamen, mi estis enregimentita en la fakan ĝendarmaron de la Sejnejo, kaj ricevis la ordonon, post iro preni vestaĵaron kaj marŝadŝuojn, viziti perukiston kaj troviĝi je la sepa vespere en la kazerno de la strato de Lourcine.

Mi akuratis la rendevuon. Post voko de la nomoj, parto de la regimento ĵetis sin sur la pordojn kaj plenigis la straton. Tiam hulis la ŝoseo kaj pleniĝis la trinkejoj.

Premitaj unu kontraŭ la alia, manlaboristoj en kiteloj, manlaboristinoj en vestaĵaĉoj, soldatoj streĉpremitaj kaj gamaŝitaj, sen armiloj, skandis, dum la glasoj klaktintis, la Marseljezon, kiun ili senspirige kriis mismuzike. Ĉapitaj per kepoj nekredeble profundaj kaj ornamitaj de blindulaj vizieroj kaj trikoloraj kokardoj el stanita ferlado, vestaĉita per blunigra ĵaketo kun rubikoloraj kolo kaj refaldaĵoj, kaj per blua pantalono el lino trastrekita de ruĝa bendo, la fakaj ĝendarmoj de la Sejnejo hurlis al la luno antaŭ ol foriri por konkeri Prusujon. Estis tumulto surdiga en la trinkejoj, bruego de glasoj, de ladboteloj, de krioj, interrompita foje per la grincado de la fenestroj, kiujn frapis la vento. Subite, tamburado superis ĉiujn tiujn kriadojn. Nova kolono eliris de la kazerno ; tiam estis edziĝfesto, nepriskribebla drinkorgio. Tiam la soldatoj trinkintaj en la butikoj eliris, sekvitaj de siaj parencoj kaj de iliaj geamikoj, kiuj batal-etis por la honoro porti iliajn sakojn ; la vicoj estis rompitaj, estis pelmelo da soldatoj kaj da burĝuloj ; kelkaj patrinoj ploris, kelkaj pli kvietaj patroj odoris vinaĉon, kelkaj infanoj saltis pro ĝojo kaj kriegis, el sia akuta tuta voĉo, patriotajn kanzonojn !

Ni senorde trairis Parizon, je la lumo de la fulmoj, kiuj skurĝis per blankaj zigzagoj la nubojn tumultajn. Varmeco estis premega, la sako estis peza, oni trinkis en ĉiuj stratanguloj ; fine ni sukcesis atingi la stacidomon de Aubervilliers. Okazis silenta momento, rompita de plorobruoj, mem superigitaj per hurladetoj de Marseljezo, kaj oni stakigis nin kiel brutojn en vagonoj. "Bona vesperon, Ĵulo! Ĝis baldaŭ! Estu prudenta! Nepre skribu al ni!". Oni manpremis lastfoje, la trajno fajfis, ni forlasis la stacion.

Ni estis ja arigo da minimume kvindeko da homoj en la rulanta skatolo. Kelkaj abunde ploris, mokitaj de aliaj, kiuj, komplete ebriaj, plantis fajrantajn kandelojn en siajn soldatpanojn kaj kriegis solece : "For Badinguet kaj vivu Rochefort !"(1) . Pluraj, flanke en angulo, rigardis, silentaj kaj tristaj, la plankon, kiu vibretis en la polvo. Subite, la vagonaro haltas –mi malsupreniras- Nigra nokto- Noktomezo kaj dudekkvin minutoj.

Ĉiuflanke etendiĝas kampoj, kaj fore, lumigitaj de la spasmaj fajroj de la fulmoj, dometo, arbo desegnas sian silueton sur ĉielo pluvpufita. Oni aŭdas nur la grunton de la lokomotivo, kies garboj da fajreroj fontantaj el la tubo dissemiĝas laŭlonge de la trajno kiel piroteknikaĵa bukedo. Ĉiuj malsupreniras, iras al la lokomotivo, kiu pligrandiĝas en la nokto kaj fariĝas giganta. La halto daŭras pli ol du horoj. La trafikdiskoj ruĝe flamis, kaj la kondukisto atendis, ke ili turniĝu. Ili refariĝis blankaj. Ni reenvagoniĝas sed viro alvenas kurante kaj agitante lanternon diras du vortojn al la kondukisto, kiu tuj retroiras ĝis garaĝvojo, kie ni ree senmoviĝas. Ni ne sciis, ĉiuj, kie ni troviĝas. Mi reeliras de la vagono kaj, sidanta sur taluso, mi manĝetis panpecon kaj trinkis gluton, kiam uragana bruego blovis malproksime, proksimiĝis, hurlanta kaj kraĉanta flamojn, kaj senfina artileria trajno pasis plenrapide, transportanta ĉevalojn, homojn, kanonojn, kies bronzaj koloj fajreris en la luma tumulto. Kvin minutojn poste, ni ree malrapide veturis, kun interrompoj pli kaj pli longaj. Fine la tago aperis kaj, kliniĝanta ĉe la pordo de la vagono, laca pro la skuoj de la nokto, mi rigardas la kamparon, kiu ĉirkaŭas nin: vico da kretecaj ebenaĵoj kaj, ĉe la horizonto, bendo el pala verdo, kiel tiu de la malsanaj turkisoj, lando plata, trista, gracila : Malriĉa Ĉampanjo !

Iom post iom la suno lumiĝas, kaj ni ĉiam veturis : tamen ni sukcesis fine alveni ! Foririnte vespere je la oka, ni atingis Châlons la morgaŭon je la tria posttagmeze. Du fakaj ĝendarmoj restis survoje, unu, kiu saltis de la supro de vagono en riveron ; alia kiu frakasis al si la kapon sur pontobordo. La cetero, post rabado de la kajutoj kaj ĝardenoj renkontitaj survoje, apud la trajnstacioj, oscedis kun lipoj vinkoloritaj kaj dikaj okuloj, aŭ ludis, ĵetante al si de ekstremo de la vagono al alia arbetajn tigojn aŭ kokidkaĝojn kiujn ili ŝtelis.

La elvagoniĝo efektiviĝis laŭ la sama ordo kiel la foriro. Nenio estis preta: nek manĝejo, nek pajlo, nek manteloj, nek armiloj, nenio, absolute nenio. Tendoj plenaj nur el sterko kaj pedikoj, ĵus forlasitaj de trupoj irantaj al la landlimo. Tri sinsekvajn tagojn, ni vivis hazarde en Mourmelon, manĝante iun tagon ajlan kolbason, trinkante laktokafon alian, plene ekspluatitaj de la loĝantoj, kuŝantaj iel ajn, sen pajlo kaj sen kovrilo. Ĉio tio ne vere nin akirigis la guston por la laboro, kiun oni devigis al ni.

Post kiam ni instaliĝis, la kompanioj disiĝis : la manlaboristoj ekloĝis en tendoj loĝataj de samdevenuloj, kaj same pri la burĝuloj. La tendo, kie mi troviĝis, estus sufiĉe taŭge loĝata, ĉar ni sukcesis forigi, helpe de boteloj, du ulojn, kies piedfetoro denaska pliampleksiĝis pro senzorgeco longa kaj vola.

Unu aŭ du tagoj fluis : oni prenigis al ni gardon laŭ pikedoj, ni trinkis abundan brandon kaj la trinkejaĉojn de Mourmelon estis senĉese plenaj, kiam subite Canrobert (2) revuis nin laŭ batalpreta fronto. Mi ankoraŭ memoras lin, sur lia granda ĉevalo, kliniĝanta sur la selo, kun haroj laŭventaj, kaj vaksitaj lipharoj en pala vizaĝo. Ribelado eksplodis. Senigitaj de ĉio, kaj malbone konvinkitaj far tiu marŝalo, ke ni mankis pri nenio, ni kriaĉis ĥore, kiam li parolis pri perforta subpremado de nia plendo :" Bim, bam, bum ! Centmil homojn mortajn ! Al Parizo ! Al Parizo !"

Canrobert fariĝis palega, kaj li kriis, starigante sian ĉevalon meze de ni : "Demetu la ĉapelon antaŭ Marŝalo de Francio !". Novaj kriaĉoj elspruĉis el la vicoj ; tiam , returniranta, sekvita de sia konfuzita stabo, li fingre minacis nin, siblante inter siaj premitaj dentoj : "Vi tion repagos al mi, sinjoroj parizanoj !".

Du tagojn post tiu epizodo, la glacia akvo de la restadejo min tiom malsanigis, ke mi devis urĝe eniri la hospitalon. Mi fermas mian sakon post la vizito de la kuracisto, kaj sub la akompano de kaporalo, jen foriras mi, malstabile, malrapidpaŝe kaj ŝvitante sub mia rimenaro. La hospitalo estas plenplena. Oni resendas min. Tiam mi iras al unu el la ambulancaj tendoj apudaj, lito restis libera, min oni akceptas. Mi fine deponas mian sakon kaj, atendante ke majoro malpermesu al mi moviĝi, mi iras promeni en la ĝardeneto, kiu ligas la konstruaĵojn. Subite ekaperas el pordo viro kun hirta barbo kaj glaŭkaj okuloj. Li enpuŝas siajn manojn en la poŝojn de longa robo flavbruna kaj krias al mi de malproksime :

-Ej ! La viro ! Kion vi faras ĉi tie ?

Mi proksimiĝas, klarigas al li la kialon, kiu venigis min. Li skuas la brakojn kaj hurlas:

-Reeniru ! Vi rajtos promeni en la ĝardeno nur kiam oni estos doninta al vi kostumon.

Mi reeniras do en la ĉambron, flegisto alvenas, kiu kunportas al mi kapoton, pantalonon, savatojn kaj ĉapon. Mi rigardas min tiel vestaĉitan en mia eta spegulo. Kia mieno kaj kia klaŭnvestaĉo, Dio mia !, kun miaj ruĝrandaj okuloj kaj mia palega vizaĝo, kun mia ĝishaŭte razita kapo kaj mia nazo kies ĝiboj brilas, kun mia granda robo musgriza, mia kuloto rufe piskolora, miaj grandegaj savatoj sen kalkanumoj, mia giganta kotonĉapo, mi estas eksterordinare malbela. Mi ne sukcesas ne ridi. Mi turnas la kapon al mia litnajbaro, granda knabo judaspekta, kiu desegnas mian portreton sur notlibro. Ni tuj fariĝas amikoj ; mi diras al li, ke mi nomiĝas Eŭgeno Lejantel, li respondas al mi, ke li nomiĝas Francisko Emonot. Ambaŭ ni konas iujn pentristojn, ni entreprenas estetikajn diskutojn kaj forgesas niajn malfacilaĵojn. La vespero alvenas, oni disdonas al ni manĝaĵon el boligita bovaĵo perlumita nigre per kelkaj lentoj, oni verŝas al ni plenglase klaran glacirizakvon kaj mi senvestiĝas, kontenta etendiĝi en lito sen miaj vestaĵaĉoj kaj miaj botoj.

La morgaŭan matenon, mi estas vekita ĉirkaŭ la sesa per granda porda bruego kaj per voĉeksplodoj. Mi enlite sidiĝas, mi frotas miajn okulojn, kaj mi ekvidas la sinjoron de la antaŭa tago, ĉiam vestita de sia flavbruna robo, kaj kiu majeste marŝadas, sekvita de flegista akompantaro. Estis la majoro. Apenaŭ enirinta, li ruladas de dekstre maldekstren kaj de maldekstre dekstren siajn okulojn el morna verdo, enpoŝigas siajn manojn kaj laŭtas :

-Numero 1, montru vian kruron. Ej ! Ĝi malbonas, tiu kruro ! La vundo fluas kiel fontano ; frotado per "blanka akvo"(3), ĉarpio, duonporcio, bona gliciriztizano.

-Numero 2, montru vian gorĝon ! Ej ! Ĝi pli kaj pli malbonas, tiu gorĝo! Morgaŭ, oni detranĉos al vi la tonsilojn.

-Sed, Doktoro...

-Ej ! Mi nenion pridemandas al vi ; se vi diras vorton, mi decidos faston.

-Sed, fine...

-Vi fastigos tiun viron. Skribu: fasto, gargaraĵo, bona gliciriztizano.

Li tiel vice ekzamenas ĉiujn malsanulojn, preskribanta al ĉiuj, venereaj kaj vunditaj, febraj kaj disenteriaj, sian bonan gliciriztizanon. Li alvenis antaŭ mi, min fikse rigardis, deprenis miajn kovrilojn, plenŝtopis mian ventron per pugnofrapoj, preskribis al mi albuminan akvon kaj la neeviteblan tizanon, kaj eliris, snufbrue kaj pezmarŝe.

La vivo estis malfacila kun la homoj, kiuj ĉirkaŭis nin. Ni estis dudek unu en la salono. Je mia maldekstro kuŝis mia amiko, la pentristo, je mia maldekstro granda diabla klarionisto, variolmarkita kiel kudrofingringo kaj flavhaŭta kiel galoglaso. Li kumulis du okupojn : ŝuisto dum la tago kaj prostituisto dum la nokto. Cetere estis ridiga knabo, kiu kapriolis sur la kapo, sur la manoj, plej naive rakontante al vi la manieron laŭ kiu li aktivigis per ŝufrapoj la laboron de siaj enspezantinoj, aŭ ekkantante per voĉo kortuŝa sentimentalajn kanzonojn :

Mi konservis, en mia malabundo,
Nur amikecon de hirundo...

Mi konkeris lian favoron donante al li dudek groŝojn por aĉeti litron, kaj oportune estis bone rilati kun li, ĉar la cetero de la ĉambranoj, parte revendistoj de ŝtelitaĵoj, ege emus nin ataki.

Iun vesperon, inter aliaj, la dekkvinan de Aŭgusto, Francis Emonot minacis vangofrapi du virojn, kiuj ŝtelis al li viŝotukon. Tiam estis grandega tumulto en la dormejo. La insultoj pluvis, ni estis nomitaj "pug-veturantoj" kaj "dukinoj". Je du kontraŭ deknaŭ, ni ja ege riskis ricevi atentan batregalon, kiam la klarionisto intervenis, aparte priparolante kun la plej persistemaj, ilin kvietigis kaj redonigis la ŝtelitaĵon. Por festi la repaciĝon, kiu sekvis ĉi tiun eventon, Francis kaj mi donacis ĉiu tri frankojn, kaj estis interkonsentita, ke la klarionisto, kun helpo de siaj kamaradoj, provos elŝoviĝi de la hospitalo kaj raportos viandon kaj vinon.

La lumo estis malaperinta en la fenestro de la majoro, fine la apotekisto estis estinginta la sian, ni rampis ekster la arbetaron, priekzamenis la ĉirkaŭaĵojn, informis la virojn kiuj ŝoviĝas laŭlonge de la muroj, ne renkontas gardostarantojn laŭvoje, grimpigas sin per mana ŝtupo kaj saltas en la kampojn. Horon poste, ili estis reven-intaj, ŝarĝitaj de manĝaĵoj ; ili tion transdonas al ni, reeniras kun ni en la dormĉambro ; ni estingas la du noktolampetojn, fajrigas surtere kandelstumpojn, kaj , ĉirkaŭ mia lito, ĉemizvestitaj, ni ronde sidas. Ni estas jam ensorbintaj tri aŭ kvar litrojn kaj senkarnigintaj pli ol duono de femuraĵo, kiam grandega botbruo aŭdiĝas ; mi mallumigas la kandelstumpojn savatfrape, ĉiu kuras sub la litojn. La pordo malfermiĝas, la majoro aperas, kriegas iun "Dio mia !", stumblas en la obskuro, eliras kaj revenas kun lanterno kaj la neevitebla vico de flegistoj. Mi profitas paŭzmomenteton por malaperigi la restaĵojn de la festeno ; la majoro trapaŝas rapide la dormoĉambron, sakranta, minacante nin ĉiujn pri arestado kaj enprizonigo.

Ni ridegas sub niaj kovriloj, bruoj eksplodas en la alia ekstremo de la dormejo. La majoro dietigas nin ĉiujn, kaj foriras, avertante nin pri baldaŭaj apartaj punoj. Tuj post lia foriro, ni rideksplodas kiel eble plej ; tondroj, raketoj da rido muĝas kaj ŝprucas ; la klarionisto pavadas en la dormejo, unu el liaj amikoj lin spegulas, tria saltas sur la lito kvazaŭ sur saltotabulo kaj saltas kaj resaltas, kun flosantaj brakoj kaj senĉemize ; lia najbaro ekdancas triumfan kankanon ; la majoro abrupte re-eniras, ordonas al kvar samtempe enirantaj infanterianoj aresti la dancantojn kaj anoncas al ni, ke li redaktos raporton kaj sendos ĝin al superulo.

Fine, kvieto readas ; la morgaŭon, ni aĉetigas manĝ-aĵojn far la flegistoj. La tagoj fluas sen aliaj incidentoj. Ni komencis morteti pro enuo en tiu hospitaleto, kiam, je la kvina, iun tagon, la kuracisto urĝe eniras la salonon, ordonas al ni remeti niajn soldatajn vestaĵojn kaj replen-igi niajn sakojn.

Ni ekscias, dek minutojn poste, ke la prusoj progresas al Châlons. Morna stuporo regas en la ĉambro. Ĝis tiam, ni ne suspektis la eventojn, kiuj okazis. Ni eksciis pri la tro fama venko de Sarrebruck, ni ne antaŭvidis la mal-sukcesojn, kiuj nin trafis. La majoro ekzamenas ĉiujn virojn : neniu resaniĝis, ĉiuj estis tro longe plenŝtopitaj per glacirizakvo kaj senigitaj de kuracadoj. Li tamen re-sendas la malpli malsanajn al iliaj korpusoj kaj ordonas al la aliaj enlitiĝi tute vestitaj kaj forirpretaj.

Francisko kaj mi estas inter ĉi-lastaj.

Tago pasas, nokto pasas, nenio, sed mi daŭre havas kolikon kaj suferas; fine, ĉirkaŭ la naŭa matene, aperas longa vico da ŝarĝmuloj gvidata de loĝistiksoldatoj. Ni duope suriras unu selaparaton. Francisko kaj mi estis hisitaj sur la sama mulo; sed, ĉar la pentristo estis gras-ega kaj mi maldikega, la sistemo renversiĝis: mi soris en la aeron dum li malsupreniris sub la ventro de la besto, kiu, tirita de antaŭe, puŝita de malantaŭe, dismoviĝis kaj furioze kalcitris. Ni kuris en polva kirlado, surprizitaj, skuitaj, nin tenantaj al la ŝarĝoselo, fermante la okulojn, ridantaj kaj plendantaj. Ni alvenis en Châlons pli mortaj ol vivantaj : ni falis kiel lacega brutaro en la sablon, kaj oni stakigis nin en vagonoj kaj ni forlasis la urbon por iri kien ?... neniu sciis.

Noktis. Ni flugis sur la reloj. La malsanuloj eliris de la vagonoj kaj promenis sur la platformoj. La maŝino siblas, malplirapidigas sian flugon kaj haltas en la staci-domo, tiu de Remso, mi supozas, sed mi ne povas tion certigi. Ni malsatmortis, la provianta administracio for-gesis nur unu aferon : doni al ni panon por la vojaĝo. Mi malsupreniras kaj ekvidas malfermitan bufedon. Mi tien kuras, sed aliaj plirapidis. Oni jam interbatalis, kiam ni alvenis. Iuj forprenis botelojn, aliaj viandojn, ĉi-tiuj panon, tiuj cigarojn. Terurigita, kolerega, la restoraci-estro defendas sian butikon per kruĉofrapoj. Puŝitaj de iliaj kamaradoj, kiuj alvenas grupe, la unua vico da soldatoj urĝas al la startablo, kiu falas, faligante en sia disfalo la bufedestron kaj liajn kelnerojn. Tiam estis plena rabado : ĉio ŝtelitis, de la alumetoj ĝis la dento-bastonetoj. Dume, sonorilo bruas kaj la trajno foriras. Neniu el ni moviĝis, kaj, dum sidanta sur la kajo, mi klarigas al la pentristo, kies bronkoj suferigas, la strukturon de soneto, la trajno malantaŭen veturas sur siaj reloj por nin kapti.

Ni resupreniras en niajn kupeojn, kaj ni revuas niajn predojn. Verdire, la manĝaĵoj ne estis variaj : porkaĵoj, kaj nur porkaĵoj. Ni havis ses volvaĵojn da ajla cerve-laso, skarlatan langon, du kolbasetojn, belegan tranĉaĵon da mortadelo, kun arĝentkolora borderaĵo kaj karnaĵoj blanke marmorumitaj, kvar litrojn da vino, duonbotelo da konjako, kaj kandelstumpojn. Ni enfiksis la lumig-ilojn en la kolon de niaj kukurboboteloj, kiuj balanciĝis, ligitaj al la vagonvandoj per ŝnuretoj. Tio kaŭzis, foje, kiam la trajno saltas sur la trakforkoj, pluvon el varmaj gutoj, kiuj preskaŭ tuj malfluidiĝis laŭ larĝaj makulegoj, sed niaj vestaĵoj jam eltenis multon.

Ni tuj komencis la manĝon, kiun interrompis la iroj kaj revenoj de tiuj, el la soldatoj, kiuj, kurantaj sur la piedbretoj, laŭlonge de la trajno, venis frapi al la vitro kaj petis de ni trinkaĵon. Ni plengorĝe kantis, ni trinkis, ni tostis ; neniam malsanuloj tiom bruis kaj tiom kapri-olis en veturanta trajno ! Kvazaŭ rulanta *Kortego de la Mirakloj* (4) ; la kripluloj saltis kun kunigitaj piedoj ; tiuj, kies intestoj brulis, ilin akvumis per konjaksorbegoj, unuokululoj malfermis ambaŭ okulojn, februloj kapri-olis, malsanaj gorĝoj kriis kaj eltrinkis, mirinde !

Tia agitado tamen fine kvietiĝis. Mi profitas el tiu repaciĝo por meti la nazon ekster la fenestro. Ne estas stelo, eĉ ne lunpeco, ĉielo kaj tero ŝajnis esti la sama afero, kaj en tiu intensa nigrinkaĵo intermitis, kiel okuloj malsamkoloraj, lanternoj ligitaj al la relforkoj. La meka-nikisto ĵetadis siajn siblaĵojn, la maŝino fumis kaj vomis senhalte flametojn. Mi refermas la vitron kaj rigardas miajn kunulojn. Iuj ronkis ; aliaj, ĝenataj de la skuoj de

la vagono, grumblis kaj sakris, senĉese turnante sin, serĉante lokon por etendi siajn krurojn, por fiksi sian kapon, kiu ŝanceliĝis ĉiuskue.

Rigardadante ilin, mi komencis ekdormi, kiam kompleta halto de la trajno min vekis. Ni estis en stacio, kaj la laborĉambro de la staciestro lumis kiel forĝejfajro en la nokta ombrado. Kun kruro paralizita, li tremetis pro frosto, mi malsupreniris por iom varmigi min. Mi promenas laŭlonge de la kajo, mi iras rigardi la maŝinon, kiun oni malligas kaj kiun oni anstataŭas per alia, kaj, proksimiĝante al la laborĉambro, mi aŭskultas la sonorilon laŭ la tiktakon de la telegrafo. La dungito, kiun mi vidas nur dorse, iom klinis sin, tiel ke, de kie mi estis, mi vidis nur la malantaŭon de la kapo kaj nazekstremon, kiu brilis, rozan kaj ŝvitmakulitan, dum la cetero de la vizaĝo malaperis en la ombro, kiun projekciis la lampŝirmilo de gasbeko.

Oni instigas min reiri en la vagonon, kaj mi retrovas miajn kamaradojn en la samaj sintenoj, tiaj kiaj mi lasis ilin. Ĉifoje, mi plene ekdormas. Kiom da tempo daŭris mia dormo ? Mi ne scias, sed granda krio vekas min : « Parizo ! Parizo ! ». Mi urĝas al la pordo. Malproksime, el pala ora bendo reliefas kamentuboj de fabrikoj kaj uzinoj. Ni estas en Saint-Denis, tiu novaĵo kuras de vagono al vagono. Ĉiuj estas agopretaj. La maŝino plirapidiĝas. La norda stacidomo aperas malproksime, ni tie alvenas, ni malsupreniras, ni ĵetas nin sur la pordoj, parto el ni sukcesas eskapi, la alia estas haltigita de la fervojistoj kaj de la trupoj, kiuj devigas nin perforte reeniri alian trajnon, kiu pretiĝas, kaj jen ni denove forveturas al nekonata celo !

Ni daŭre veturas, tutan tagon. Mi lacas rigardi tiujn sinsekvojn da domoj kaj arboj, kiuj defilas antaŭ miaj okuloj, kaj mi daŭre havas kolikon, kaj mi daŭre suferas. Ĉirkaŭ la kvara posttagmeze, la maŝino malrapidigas sian progresadon kaj haltas en eltrajniĝejo, kie atendas nin maljuna generalo, ĉirkaŭ kiu flugetas junuloj, surkapigitaj de rozaj kepoj, pantalonigitaj ruĝe kaj surpiedigitaj per botoj kun flavaj spronoj. La generalo revuas nin kaj nin dividas en du subplotonoj, unu iras al la seminario, alia direktas sin al la hospitalo. Ni estas, laŭdire, en Arras. Francisko kaj mi anas la unuan subplotonon. Oni hisas nin sur pajlokovritaj ĉaretoj, kaj ni alvenas antaŭ granda konstruaĵo false impona, kaj kiu ŝajnas falemi en la straton. Ni supreniras al la dua etaĝo, al dormoĉambro entenanta tridekon da litoj ; ĉiuj malfermas siajn sakojn, kombas sin kaj atendas. Kuracisto alvenas.

-Pri kio vi suferas ?

-Antrakson.

-Ha ! Kaj vi ?

-Disenterion.

-Ha ! Kaj vi ?

-Bubonon.

-Sekve do vi ne estis vunditaj dum la milito ?

-Absolute ne.

-Nu, do, reprenu viajn sakojn. La arkiepiskopo pruntas la litojn de la seminarianoj nur al vunditoj.

Mi remetas en mian sakon la aferetojn, kiujn mi elprenis, kaj ni direktas nin, lampaŝe, al la hospico de la urbo. Ne plu estas loko. Vane la religiulinoj provas proksimigi la litojn, la ĉambroj estas plenaj. Laca pro tiuj prokrastoj, mi ŝtelprenas matracon. Francisko prenas alian, kaj ni iras etendiĝi en la ĝardeno, sur granda herbejo.

La morgaŭan matenon, mi parolas kun la direktoro, viro afabla kaj ĉarma. Mi petas de li permeson iri urben por la pentristo kaj mi. Li konsentas, la pordo malfermiĝas, ni estas liberaj ! Ni povos fine tagmanĝi ! Manĝi veran viandon, trinki veran vinon ! Ha ! Ni ne hezitas, ni eniras la pli belan hotelon de la urbo. Oni servas al ni manĝon frandindan. Estas floroj sur la tablo, belegaj bukedoj da rozoj kaj fukcioj, kiuj ekfloras en vitrokornetoj. La kelnero alportas al ni interripaĵojn, kiuj sangas en buterlago ; la suno mem ekpartoprenas, brilegigante la manĝilaron kaj la tranĉilklingojn, blutante sian oran polvon tra la karafoj, kaj, karesante la Pommard-vinon, kiu malrapide balanciĝas en la glasoj, ĝi brodas per sanga stelo la tablotukon damaske teksitan.

O sankta ĝojo de la manĝegoj ! Mi havas la buŝon plenan kaj Francisko estas ebria ! La aromo de la rostaĵoj miksiĝas kun la parfumo de la floroj, la purpureco de la vinoj luktas kun la ruĝeco de la rozoj, la kelnero, kiu servas nin, aspektas stulta, ni aspektas glutemuloj, sed tute ne gravas. Ni ensorbas rostaĵon post rostaĵo, ni trinkas bordozan vinon post burgonjan vinon, kartuzianan likvoron post konjako. Al la diablo la vinaĉoj kaj la solvitaj brandoj, kiujn ni trinkas depost nia foriro de Parizo ! Al la diablo tiuj sennomaj manĝaĵoj, tiuj nekonataj miksaĵoj, kiujn ni malabunde ensorbis depost unu monato ! Ni estas nerekoneblaj ; niaj malgrasegaj mienoj ruĝas kiel drinkemulaj vizaĝaĉoj, ni blekas, la nazon al la vento, ni drivas ! Ni tiel promenadas en la urbo.

La vespero alvenas, necesas tamen reveni ! La religiulino, kiu gardis la ĉambron de la maljunuloj, diras al ni, per sia fluteta voĉeto :

"Sinjoroj militistoj, vi frostis pasintan nokton, sed nun vi havos bonan liton !"

Kaj ŝi kondukas nin en grandan ĉambron, kie plafone leklumas tri noktolampetoj malbone brulantaj. Mi havas blankan liton, mi kun ĝuo enprofundiĝas en la littukoj, kiuj ankoraŭ bonodoras la lavadon. Oni plu aŭdas nur la spiradon aŭ la ronkadon de la dormantoj. Mi bone sentas varmecon, miaj okuloj fermiĝas, mi ne plu scias kie mi estas, kiam longa kluko vekas min. Mi malfermas okulon kaj ekvidas piede de mia lito ulon, kiu rigardadas min. Mi vigle eksidas. Antaŭ mi staras maljunulo, longa, seka, kun malfirma rigardo, lipoj salivantaj en barbo nezorgita. Mi demandas al li kion li celas ; Neniu respondo. Mi krias al li: "Do, foriru vi. Lasu min dormi!"

Li montras al mi pugnon. Mi suspektas lin esti alienulo; mi rulas tualettukon fine de kiu mi perfide faras nodon! Li unu paŝon proksimiĝas, mi saltas sur la pargeton, mi evitas la pugnofrapon kiun li sendas al mi, kaj rebate mi sendas sur lian maldekstran okulon tualettukan frapon. Pro tio, li vidas mil stelojn, sed impetegas al mi; mi retropaŝas kaj al li vigle sendas piedfrapon en la stomakon. Li falas, kunfaligante seĝon, kiu resaltas; ĉiuj dormintoj estas vekitaj; Francisko alkuras ĉemizvestite por min helpi, la religiulino alvenas, la flegistoj zorgas pri la frenezulo, kiun ili pugfrapas kaj sukcesas reenlitigi.

La aspekto de la dormejo estis ege ridiga. Post la lumetoj svage rozkoloraj, kiujn dissendis la mortantaj noktolampetoj, sekvis flamado de tri lanternoj. La nigra

plafono kun siaj lumrondoj, kiuj dancis supre de la brulantaj meĉoj, nun brilegis kun nuancoj de gipso ĵuse stukitaj. La malsanuloj, aro da eksteraĝaj ginjoloj, manpremis la lignobastonon, kiu pendis fine de ŝnureto super siaj litoj, alkrampiĝis al ĝi per unu mano, kaj per la alia faris timigajn gestojn. Vidante tion, mia kolero foras, mi ridegas, la pentristo senspiriĝas, nur la religiulino konservas seriozan mienon, kaj sukcesas, per minacoj kaj petoj, restarigi kvietecon en la ĉambrego.

La nokto pli malpli bone finiĝas ; je la mateno, je la sesa, tamburrulado nin arigas, la direktoro apelas la homojn . Ni foriras al Rueno.

Alvenintaj en tiu urbo, oficiro diras al la malfeliĉulo, kiu kondukis nin, ke la hospico estas plena kaj ne kapablas loĝigi nin. Atende, ni havas liberan horon. Mi ĵetas mian sakon en stacidoman angulon, kaj kvankam mia ventro grumblas, jen ni estas foririntaj, Francisko kaj mi, vizitantaj aventurcele, mirantaj antaŭ la preĝejo Saint-Ouen, ekstaziĝantaj antaŭ la malnovaj domoj. Ni tiom admiras, ke la horo jam fluis delonge, ke ni eĉ ne sonĝis reiri al la stacidomo.

"Jam delonge viaj kamaradoj foriris, diras al ni fervojisto ; ili estas en Evreux !"

Diable ! La unua trajno tiucelen foriras nur je la naŭa. –Ni iru vespermanĝi !

Kiam ni alvenas en Evreux, jam plena nokto regis. Ni ne povis prezenti nin en hospico, ni aspektus krimulojn. La nokto estis belega, ni trairas la urbon, kaj ni troviĝas en plena kamparo. Estis la periodo de fojnrikolto, garboj amasis. Ni elektas staketon en kampo, en ĝi ni fosas du komfortajn niĉojn, kaj mi ne scias ĉu la emociveka odoro de nia kuŝejo aŭ la akra parfumo de la arbareto kortuŝas nin, sed ni bezonas paroli pri niaj iamaj amoj. La temo estas neelĉerpebla ! Iom post iom, tamen, la paroloj fariĝas malpli oftaj, la entuziasmoj malfortiĝas, ni ekdormas. "Fulmotondro! krias mia najbaro, la kioma estas nun?". Mi miavice vekiĝas. La suno baldaŭ aperos, ĉar la granda blua kurteno galoniĝas horizonte per rozkoloraj franĝoj. Kia mizero ! Necesos iri frapi al la pordo de la hospico, dormi en ĉambroj sorbitaj de tiu sengusta odoro, en kiu adas, kiel obstina gurdkanzono, la akra floro de la jodoforma pulvoro !

Ni ege malgajas reuzi la vojon al la hospitalo. Oni malfermas al ni, sed, ve !, nur unu el ni estas akceptita, Francisko- kaj min oni sendas al la gimnazio.

La vivo ne plu estis eltenebla, mi meditis eskapon, kiam, iam, laboranta interna kuracisto vizitas la korton. Mi montras al li mian karton de jurstudento ; li konas Parizon, la latinan kvartalon. Mi klarigas al li mian situacion. "Nepre necesas, mi diras al li, ke aŭ Francisko venu al la gimnazio, aŭ ke mi iru al la hospitalo". Li pripensas, kaj vespere, alvenante apud mia lito, li prononcas ĉi tiujn vortojn ĉe mia orelo: "Diru, morgaŭ matene, ke vi pli suferas." La morgaŭon, fakte, ĉirkaŭ la sepa, la kuracisto eniras; brava kaj kompetenta ulo, kiu havis nur du malvirtojn: dente haladzi kaj volo sin demeti de siaj malsanuloj, ia ajn preze. Ĉiumatene, la jena sceno okazis :

"Ha, ha ! knabo, li kriis, kian bonaspekton vi havas! Bela aspekto, neniu febro! Levu vin kaj iru trinki kafotason; sed ne faru stultaĵon, vi scias, ne kuru post la jupoj; mi tuj dubskribos vian *exeat* (5), vi morgaŭ reiros al via regimento."

Malsanaj aŭ ne, li resendis tri homojn ĉiutage. Tiun matenon, li haltas antaŭ mi kaj diras :

"Ha, fulmotondro, knabo mia, vi pli bone aspektas !"

Mi protestas, neniam plie mi suferis ! Li palpas mian ventron . "Sed estas pli bone, li murmuras, la ventro estas malpli firma". Mi protestas. Li ŝajnas mirigita, la interna kuracisto tiam diras al li tre mallaŭte :

"Eble taŭgus fari al li klisteron, sed ni ĉi tie posedas nek klisterpilkon nek enspruĉigilon ; eble ni sendu lin al la hospitalo ?"

"Jes ja, tio estas bona ideo,"diras la bonulo, tre kontenta sin malpezigi el mi, kaj tuj, li subskribas la eniratestoton; radia, mi fermas mian sakon, kaj, sub la kontrolo de gimnazihelpanto, mi eniras la hospitalon. Mi retrovas Franciskon. Pro nekredebla ŝanco, la koridoro Sankta-Vincento, kie li kuŝas, pro manko de spaco en la ĉambroj, entenas liberan lokon apud la lia ! Ni fine estas kunigitaj ! Krom niaj du litoj, kvin matracoj kuŝas liniitaj laŭlonge de la muroj flave pentraĉitaj. Iliaj loĝantoj estas loĝistika soldato, du artilerianoj, dragono kaj husaro. La cetero de la hospitalanoj estas kelkaj maljunuloj frenezetaj kaj kadukaj, kelkaj junuloj rakitaj aŭ tordkruraj, kaj granda nombro da soldatoj, ruinaĵoj de la armeo de Mac-Mahon (6), kiuj post veturigo de ambulanco al ambulanco fine grundis sur tiu loko. Nur Francisko kaj mi surportas la uniformon de faka ĝendarmo de la Sejnejo ; niaj litnajbaroj estas afablaj knaboj, tute seninteresaj ; plejmulto el ili estis filoj de kamparanoj aŭ farmistoj, vokitaj armeen je la militdeklaro.

Dum mi demetas la jakon, alvenas religiulino, tiel gracila, tiel beleta, ke mi ne povas ne rigardadi ŝin ; kiaj belaj grandaj okuloj ! kiaj longaj blondaj okulharoj ! Kiaj belaj dentoj ! – Ŝi demandas al mi, kial mi forlasis la gimnazion ; mi klarigas per nebulaj frazoj ke la nehavo de puŝpumpilo min eksigis de tiu loko. Ŝi milde ridetas kaj diras al mi :

"Ho ! Sinjoro Militisto, vi estus povinta nomi la aĵon per ĝia nomo, ni kutimas ĉion."

Mi ja certas, ke ŝi devis kutimi ĉion, la malfeliĉulino, ĉar la soldatoj ne ĝeniĝis por sin okupi pri maldiskretaĵoj antaŭ ŝi. Cetere mi neniam vidis ŝin ruĝvizaĝi ; ŝi paŝis inter ili, muta, okul-al-tere, kaj ŝajnigis ne aŭdi la malĉastajn parolojn disdiritajn ĉirkaŭ ŝi.

(Daŭrigota...)

****

(1) Badinguet : moknomo de imperiestro Napoleono la IIIa (1808-1873) ; Rochefort : ĵurnalisto kaj respublika polemikisto (1831-1913).

(2) Canrobert : franca marŝalo (1809-1895)

(3) Likvaĵo entenanta acetaton de plumbo.

(4) Iama kvartalo de Parizo, kie i.a. ŝtelistoj kaj almozuloj false kriplitaj loĝis.

(5) Oficiala elirpermeso

(6) Mac-Mahon (1808-1893) Marŝalo (kaj poste Respublik-prezidento)







## Kultura angulo

*De kie venas tiu esprimo ?*

Tio estas kanono. Por ĝin uzi precize, oni perfekte ĝin horizontaligu.





Kaj tio estas bobel-nivelilo. Ĝi ebligas kontroli la horizontalecon de objekto sur kiun ĝi sin apogas. ( Esceptoj: ovoj, bilardaj globetoj k.s.)

La bobelo kaptita en ampolo troviĝu en la markita loko.



jen ne horizontala banano:




La tasko famis pro sia longa daŭro. Tial kanonistoj profitis el tio, por fripone siesti, pretekstante "bloki la bobelon".

Jen do la unua tasko de l' kanonisto : stabile horizontaligi la pafilon. Sin helpante per bobel-nivelilo fiksita sub la kanoningo, li provas "bloki la bobelon" je la taŭga pozicio.







Tio ofte misefikis sur la fika vivo de la kanonistoj: kiam la kunulino plenumis malmisiiste sian rolon de "ripozo de la militisto", tiu lasta fojfoje fike fiaskis...


















La KancerKliniko n°125 Janv-Fevr-Mars 2008
Directeur Jacques Le Puil 18210 Thaumiers France
Imprimé par nos soins.




























